

# DANUBA KURIERO

77a Universala Kongreso de Esperanto
Aŭstria Centro Vieno
25a de julio — 1a de aŭgusto 1992

1



Respondeca redaktoro: Andreo Pettyn

## *Bonvenon al la 77-a UK !*

Jen venis la unua tago de la 77-a UK. Plia pruvo ke ni - la nelacigeblaj esperantoj pri la pli harmonia mondo en kiu regos pli da reciproka kompreno - malgraŭ ofta ignoro de la neinformitaj, tamen pluekzistas kaj progresas: kvante, enhave, kvalite. Pruvo pri nia ĉeesto en la historio, pri nia kontinueco.

Vieno, eŭropa ĉefurbo de internacia dialogo kaj saĝa diplomatio, estas urbo kiu regalis nin ne nur per Mozart kaj Freud, sed ankaŭ pri Franz Jonas, Alfred Hermann Fried, Eugen Wüster, Hugo Steiner, konataj kaj meritoplenaj ankaŭ vaste ekster la movado al kiu ili dediĉis sin tiom sindone. Tiu urbo kaj tiu lando estas la ĝusta loko por nia kongreso, loko kiu povos akcepti niajn mesaĝojn kun komprenemo kaj simpatio. Do, ankoraŭfoje bonvenon al tiuj ĉi urbo kaj kongreso!

## La programo

Ne preterlasu la okazon tuj orientiĝi en la kongresejo kaj en la labirinto de vere multnombraj programeroj. Studu vian kongresan libron kaj la insignojn en la kongresejo. Tio helpos vin komforte kaj agrable kongresi.

Aparte ni ŝatus direkti vian atenton al pluraj kunsidoj pri la kongresa temo, ĉi-kongrese pritraktota pli detale kaj pli profunde ol dum kelkaj aliaj.

Ankaŭ ne forgesu ke en tiu ĉi kongreso okazas elektoj de la nova komitato kaj de la Estraro. Oni invitas ĉiujn interesitajn kongresanojn partopreni kaj observi. Kompreneble, ne forgesu ke nur la membroj de la Komitato rajtas paroli kaj voĉdoni.

Sed vi havos okazon publike diskutigi por vi interesajn kaj gravajn demandojn dum la Ĝenerala Kunsido en lundo, kiam oni diskutos pri la jarraporto de la Estraro (vidu la majan numeron de la revuo "Esperanto").

Notu ankaŭ plurajn aliajn oficialajn kunsidojn kies celo estas publikforume diskutigi diversajn aspektojn de la agado de UEA: informadon, eksterajn rilatojn, junularajn demandojn, kulturon ktp.

Certe vi ne forgesos plurajn kunsidojn de diversaj fakaj asocioj en kiuj vi eble membras aŭ simple interesiĝas pri ilia laboro.

## La artaj aranĝoj

Ni ne dubas ke vi plene ĝuos multajn kaj variajn artaĵojn dum la kongreso. Vi povos spekti eĉ tri diversajn pupteatrojn, kun ses spektakletoj. Ne forgesu ke pupteatra arto ne estas nur por infanoj! Vi povos aŭdi tri koncertojn de malsamaj muzikaj ĝenroj kaj vere humorplenan kabaredaĵon de F-ino Barlaston. Kompreneble, ne mankos nacia vespero, internacia vespero, internaciaj koruso kaj - ĉi-foje ankaŭ - la internacia orkestro, belartaj konkursoj, aŭkcio, la balo ...

SED: bonvolu noti ke praktike ĉiuj artaj programeroj okazas dufoje dum la semajno, tiel ke ĉiuj kongresanoj povos spekti lin. Tio estas ĉar la salonoj kie ili okazas estas tro malgrandaj por akcepti ĉiujn interesitojn je unu fojo. Pro tio bv. klopodi observi la sekvan regulon: se via kongresa numero estas malpli alta ol 1600, vizitu la unuan prezenton, se ĝi estas pli alta iru al la dua spektaklo.

## La kuriero

Jes, ni estas via kongresa kuriero, mesaĝisto pri la plej gravaj eventoj dum la kongreso. Nepre kunlaboru kun ni! Vi jam kunlaboros se vi regule legos nin kaj konsideros la informojn ricevitajn. Speciale atentu eventualajn anoncojn pri la programŝanĝoj aŭ novaj programeroj. Kaj certe: se vi havas ion por raporti aŭ komuniki al la kongresanaro ne hezitu tuj veni en nian redakcion. Se vi kredas ke vi povas helpi per via laboro, vi ankaŭ bonvenatas. Plej ofte sufiĉos ke vi lasu vian mesaĝon en la skatoloj ĉe la informejo kaj aliloke tra la kongresejo.

## LA ĈEFTEATRAĴO DE LA KONGRESO

La supre menciita averto pri la salonoj aparte validas por la ĉefa kongresa teatraĵo "La Gastejestrino", kiu okazos dum la marda kaj ĵaŭda vesperoj. Por ĝi estas presitaj apartaj enirbiletoj riceveblaj senpage ĉe la informejo, ĉe giĉetoj kaj en kelkaj aliaj lokoj tra la kongresejo. Nur kun la biletoj - ja ili estas senpagaj - vi povos eniri la salonon! Estus bone se vi ankaŭ ĉi-foje sekvus la regulon pri la kongresaj numeroj: ĝis KN 1600 elektu la mardan, kaj la aliaj la ĵaŭdan prezentaĵon.

Nepre bonvolu ne forgesi ke por la artaj spektakloj oni tre rigore respektos la komencajn horojn, tiel ke ne eblos eniri la salonojn post anoncita tempo. Ankaŭ ne forgesu ke vi rajtas foti kaj fulmi nur dum paŭzoj en la programo, por ne malhelpi la koncentriĝon de la artistoj.

## Amiko en Afriko

Ni ne forgesu tiujn kiuj ne sukcesis veni al la kongreso. Tiujn kiuj kutime ne sukcesas kongresi, kaj kiuj neniam kongresis. Tiujn kiuj eble neniam eĉ kongresos sed tamen sentas sin parto de nia komunumo. Ĉu vi povas permesi al vi elspezon de 4 ŝilingoj, por aĉeti poŝtkarton kiun vi sendos el Vieno al iu afrika esperantisto? Se jes, ne preterlasu aĉeti la bildkarton. Ĝi ja troviĝas en via dokumentujo, nur necesas ke vi pagu por ĝi, tuj post la solena inaŭguro. Ĉe la elirejoj atendos vin aktivuloj kun skatoloj en kiujn vi povos ĵeti la sumeton aŭ redoni la neuzitan bildkarton.

Poste ne forgesu tuj afranki kaj enpoŝtigi ĝin jam de la kongreseja poŝtoficejo. Kaj nepre stampu ĝin per la speciala kongresa stampo!

## Filatelistoj: Atentu !

## SPECIALA KONGRESA STAMPO

Dum la kongreso - kiel plej ofte jam okazas - funkcios speciala giĉeto de Aŭstraj Poŝtoj - kiu ruligos viajn afrankojn per la speciala, porokaza kongresa stampo!

## MALANONCO DE KUNSIDO

La kunsido de (kaj pri) Fondaĵo Lapenna, anoncita por mardo je la 15h00,
en salono Privat, ne okazos.

## La ekskursoj

Tiuj kiuj jam antaŭe mendis la ekskursojn ne devus havi apartajn problemojn. Ili ricevis siajn ekskursajn biletojn, kiujn oni transdonos al ĉiĉeronoj ĉe la ekiro. Sur la biletoj estas indikitaj la ekiraj tagoj, horoj kaj lokoj. Bonvolu veni akurate. Notu ke la urbaj promenoj startos de la kongresejo, ĉe la informejo, kaj ke poste oni metroe vojaĝos al la urbocentro (antaŭ la Operejo), kie atendos la oficialaj vienaj ĉiĉeronoj.

Ne eblas nun malmendi la ekskurson. Aŭ pli precize: se vi malmendas ne eblas rericevi la monon pagitan. En tia kazo vi prefere vendu aŭ donacu la bileton al iu kongresano. Ankaŭ apenaŭ eblas ŝanĝi la tagojn menditajn, ĉar pluraj ekskursoj estas jam plenaj. Se vi forgesis indiki la preferatan tagon bv. iri al la ekskursa giĉeto por informiĝi en kiuj tagoj ankoraŭ estas liberaj lokoj.

Sufiĉe da liberaj lokoj estas en la ekskurso al Moravio, naskiĝurbo de Komenio, kaj ni varme rekomendas al vi tiun ekskurson, kiu ekzistas en du variantoj: taga kaj nokta (kun vizito al la famaj lokaj vinkeloj).

## Orienta speciala diina masaĝo

La kuracmetodo "Orienta Speciala Diina Masaĝo" dum la lastaj jaroj pere de Esperanto sukcesis konsiderinde disvastiĝi tra la mondo. Ĝis nun la libro pri ĝi estis tradukita en pli ol dudek lingvojn (preskaŭ ĉiuj el Esperanto). En dekok landoj jam dudekok foje okazis kursoj kaj prelegoj de ĝia iniciatinto. En 21 landoj esperantistoj lernis ĝin kaj en pli ol dek landoj profesie laboras per tiu metodo. Dum la UK en Havano ĝis nun ĉiujare estas prezentoj pri ĝi. Ekzistas videobendoj por ĝia lernado en 6 lingvoj inkluzive de Esperanto. Tiu ĉi-metodo ĝis nun kuracis multajn malsanulojn kun diversaj malsanoj kaj ĝia ĉefa celo estas ĝustigo de delokitaj kokso-ostoj kaj artikoj per prem-knedo de ĉiuj muskoloj de la korpo. Estas menciinda ke ĉi-jare UMEA havas sanservejon, en kiu oni povas ricevi tiun masaĝon. Informon petu ĉe la budo de "Diina masaĝo" (funkcionta ekde lundo) aŭ informejo.

Bedaŭrinde la anoncita koncerto de "Amplifiki" ne okazos!

# Novaj aliĝintoj

2701 grlc-y Gurguta, S-ino Raluca, A. Baumgartnerstrasse 44, 36/072, A-1232 Wien, Aŭstrujo.
2702 gssg-z Schneider, S-ro Georg, A. Baumgartner str. 44/B4/082, A-1230 Wien, Aŭstrujo.
2703 egle-z Zilinskaité, S-ino Egle, Juknevičiaus 50 39, LIT 4520 Marijampolé., Litovio.
2704 rnso-h Rimkeviciute, S-ino Solvegija, Kosmonautu 3-33, LIT-235000 Jonava, Litovio.
2705 hats-n Saito, S-ino Hatuse, Japanujo.
2706 hits-p Saito, S-ro Hitosi, Japanujo.
2707 kazn-i Nisimura, S-ino Kazuko, Japanujo.
2708 sueo-l Itinose, S-ro Sueo, Japanujo.
2709 httn-h Huttunen, S-ino Anna, Siltakatu 1 A 7, SF-18100 Heinola 10, Finnlando.
2710 vmal-i Maki-Laopa, Dipl.inĝ.Veikko, Paasitie 20 A, SF-00830 Helsinki, Finnlando.
2711 bbma-k Machejek, S-ino Barbara, str. Ujejskiego 2, PL-43-300 Bielsko-Biała, Pollando.
2712 bwil-m Wilkowicz, S-ro Benedykt, str. Nad Sudolem 18/46, PL-31-228 Kraków, Pollando.
2713 ckoh-q Kohlbrenner, S-ino Celina, str. Zwirki i Wigury 36/3, PL-43-190 Mikolow, Pollando.
2714 duce-v Dudek, S-ino Celina, Szopena 23/9, Kraków, Pollando.
2715 dwor-g Worsztynowicz, S-ino Danuta, ul. Hukasiewicza 10a, PL-31-429 Kraków, Pollando.
2716 ekra-j Krawaczyk, S-ino Ewa, Węegrzce 32, PL-32-086 Węgrzce, Pollando.
2717 elzw-u Walentynowicz, S-ino Elżbieta, ul. Sadowa 27, PL-82-300 Elbląg, Pollando.
2718 fbrd-t Bardecka, S-ino Franciszka, Litewska 24/2, PL-30-014 Kraków, Pollando.
2719 gmag-l Maszczynska-Gora, S-ino Grazyna. ul. Armu Krajowej 2/14, Krakow, Pollando.
2720 ihrd-v Horodecka, S-ino Irena, str. Jutrzenki 26/88, PL-43-300 Bielsko-Biała, Pollando.
2721 jali-n Litwa, S-ino Janina, ul. Siemiradzkiego 9/4, Krakow, Pollando.
2722 jchl-i Jach, s-ino Elzbieta, ul. Spoldzielcow 816, PL-30-682 Krakow, Pollando.
2723 jlip-j Lippert, S-ino Jadwiga, Krowoderska 46/6, PL-31-158 Kraków, Pollando.
2724 jszy-f Szymańska, S-ino Janina, Mazowiecka 106/41, PL-30-023 Kraków, Pollando.
2725 kiea-d Kieres, F-ino Anna, Majora 1115, PL-31-422 Krakow, Pollando.
2726 kieb-y Kieres, S-ro Bronisław, ul. Majora 11/5, PL-31-422 Kraków, Pollando.
2727 kows-f Kowalewska, S-ino Sylwia, str. Promińskiego 7/24, PL-90-336 Łódź, Pollando.
2728 lbdj-h Łoboda, S-ino Jadwiga, Facimiech 14/11, PL-30-667 Kraków, Pollando.
2729 lipv-i Litwa, s-ro Pvzemysvaw, ul. Siemiradzkiego 9/1, Krakow, Pollando.
2730 miab-k Miarecka, S-ino Beata, str. Malczewskiego 8/19, PL-43-300 Bielsko-Biala, Pollando.
2731 mjkb-t Jakubiec, S-ino Maria, Str. Piwna 2 A, PL-43-309 Bielsko Biała, Pollando.
2732 mnka-m Martyniak, S-ino Anna, Sliczna 12/12, PL-31-444 Kraków, Pollando.
2733 mnki-y Kostecki, S-ro Marian, ul. Włóczków nr. 2-6, m.41, PL-30-103 Kraków, Pollando.
2734 mtek-u Teklińska, S-ino Maria, Studencka 27/1, PL-31-116 Kraków, Pollando.
2735 mtok-g Tokarz, S-ino Martha, ul. Juliusza Lea 19 A M. 17, PL-30-048 Kraków, Pollando.
2736 najm-t Nalepa, S-ino Janina Maria, Salwatorska 11a/3, PL-30-109 Kraków, Pollando.
2737 osuc-v Osuchowska, S-ino Lidia, Krowoderskich Zuchów 20/39, PL-31-272 Kraków, Pollando.
2738 sien-a Sienicka, S-ino Ewa, Basztowa 15/7, PL-31-143 Kraków, Pollando.
2739 velt-a Veltze, S-ino Janina, str. Jutrzenki 7/89, PL-43-300 Bielsko-Biała, Pollando.
2740 wgrd-w Gorska, S-ino Wiesława Daniela, Sw. Tomasza 31/8, PL-31-027 Kraków, Pollando.
2741 zwdk-p Włodarczyk, S-ino Zofia, ul. Gdańska 28/2, PL-31-411 Kraków, Pollando.
2742 tanj-g Berger, S-ino Tania, Wien, Aŭstrujo.
2743 elio-y Iovčeva, S-ino Elena, p/a J.Verweij, P.k.380, BG 5000 Veliko Tărnovo, Bulgarujo.
2744 geor-c Georgiev, S-ro Evgeni V., ul. Baĉo Kiro 35, II Koop., BG-1202 Sofia, Bulgarujo.
2745 dnze-c Denzler, S-ino Elisabeth, Genkerstr. 25, D-703 Böblingen, Germanujo.
2746 rbsc-w Schwab, S-ro Robert, Staudach 38, D-7400 Tübingen-Lustnau, Germanujo.
2747 floj-x Lo Jacomo, D-ro Francois, 621 rue Juliette Dodu, bôite 62, F-75010 Paris, Francujo.
2748 saxa-n Sirovec, S-ino Saŝa, 21 rue Juliette Dodu, F-75010 Paris, Francujo.
2749 ilba-k Barta, S-ino Ildiko, u. Balaton 20.III.37, H-6000 Kecskemet, Hungarujo.
2750 dlsv-d De Salvo, D-ro Antonio, C.P. 4017, I-00100 Roma Appia, Italujo.
2751 sipl-s Pleuteri, S-ino Simona, Via Monticello 6, I-22040 Anzano del Parco, Italujo.
2752 aoku-l Aojanagi, S-ro Kunisuke, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2753 cuji-b Cuji, s-ino Mijo, p/a Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-si, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2754 dehi-d Deguĉi, S-ro Hisao, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2755 hard-s Harada, S-ro Hideki, Isima-ittyôme 9-30, Okayama-si, 700 Japanujo.
2756 hums-h Satoŭ, S-ino Humi, Oomoto, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2757 huus-b Usui, s-ino Humiko, p/a Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-si, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2758 ikuj-w Tomita, S-ino Ikujo, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2759 jaai-f Jamaaŝi, S-ino Aiko, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2760 jtak-q Jamaasi, S-ro Takasi, p/a Oomoto, Kameoka-si Kyôto-hu, 621 Japanujo.
2761 klha-i Harada, Klera Makiko, 9-30, Isima-I, Okayama, 700 Japanujo.
2762 mimk-v Mima, S-ino Keiko, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2763 niri-j Niŝino, S-ino Rie, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2764 nisj-a Niŝihara, S-ro Joŝito, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2765 noku-l Nobunaga, S-ino Kunie, p/a Oomoto, Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-hu, 621 Japanujo.
2766 oohi-d Oonisi, S-ro Hiromu, p/a Oomoto, Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyoto-hu, 621 Japanujo.

2767 satm-v Sato, S-ro Marito, Z-1074-60 Kohan, Higashiyamato-shi, Tokyo, 189 Japanujo.
2768 sngt-z Sagano, S-ro Toru, p/a Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-si, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2769 sura-d Sagano, S-ino Urara, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2770 tomn-a Tomita, F-ino Naoko, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2771 toun-u Tounai, S-ro Nanao, Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621 Japanujo.
2772 zuja-v Kiŝitani, S-ro Kazuja, ĉe Oomoto,, Tenon'-kyo, Kameoka-si, 621 Japanujo.
2773 nile-b Strandenes, S-ino Elin, Steinkjellerbakken 1A, N-5003 Bergen, Norvegujo.
2774 togr-e Øgrim, S-ro Trond, Trasopvn. 12 B, N-0671 Oslo, Norvegujo.
2775 gskw-d Gostkowska, S-ino Urszula, Pulaskiego 4/36, Pruszkow, Pollando.
2776 jabs-d Jablonski, S-ro Stanislaw, Dobrzynska 5, Skepe, Pollando.
2777 koss-v Kossakowski, S-ro Alojzy, Stroma 19/18, Białystok, Pollando.
2778 libt-w Liberska, S-ino Teresa, Grabczowska 12a, Poznan, Pollando.
2779 libz-s Liberski, S-ro Zygmunt, Grabczowska 12a, Poznan, Pollando.
2780 psze-p Pszeniczna, S-ino Helena, Armii kraj. 6/16, Opole, Pollando.
2781 sulf-c Sulikowska, S-ino Felicja, Klonowica 40/2, Torun, Pollando.
2782 urma-c Urban, S-ino Malgorzata, Krol. Jadwigi 42, Zlotow, Pollando.
2783 gnon-v Chavignon, S-ro Albert, 22 route de Blois, F-41130 Selles-sur-Cher, Francujo.
2784 uzit-d Uzitani, S-ino Terutiyo, Saikasityô 7-6, Takehana, Yamasina-ku, Kyôto, 607 Japanujo.
2785 emws-x Wieser, S-ino Emmy, Dietersheimer Str. 22, D-8000 München 40, Germanujo.
2786 jltz-t Lutz, S-ro Josef, Schlesienstr. 113, Lichteneiche, D-8608 Memmelsdorf, Germanujo.
2787 wisr-u Wieser, S-ro Herbert, Dietersheimer Str. 22, D-8000 München 40, Germanujo.
2788 luce-f Thibaut, Lucienne, 8 rue Sainte Anne, F-35400 Saint Malo, Francujo.
2789 talm-z Antal, S-ino Maria, Kelenheggi ut 37.I 2, H-1118 Budapest, Hungarujo.
2790 rseo-t D'Eliseo, S-ino Renata, Via San Domenico 38, I-80126 Napoli, Italujo.
2791 japh-g Pilger-Bugaj, S-ino Janina, Leekerhoek 26, NL-8223 ZS Lelystad, Nederlando.
2792 mipl-e Pilger, S-ro Michel, Leekerhoek 26, NL-8223 ZS Lelystad, Nederlando.
2793 wpil-r Pilger, S-ro Wouter, Leekerhoek 26, NL-8223 ZS Lelystad, Nederlando.
2795 bomi-j Miličević, Prof. Boriša, P.f. 175, YU-21001 Novi Sad, Jugoslavio.
2796 lren-n Li Renzhi, S-ino, Holsteiner Weg 7, D-4799 Borchen, Germanujo.
2797 maru-b Maruška, S-ro Alfredas, Gyur'atz F. u. 8, H-8500 Pápa, Hungarujo.
2798 pape-f Peeraerts, S-ro Paul, p/a Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgujo.
2800 tond-u Gulbrandsen, F-ino Liv Tora, Trasopvn. 12 B, N-0671 Oslo 6, Norvegujo.
2801 evfo-g Formaggio, F-ino Eva, Kollegienweg 58, D-5500 Bonn 1, Germanujo.
2802 deha-r Hauschildt, S-ro Detlev, 64 bd. St.Georges, CH-1205 Genève, Svislando.
2803 tede-h Eder, S-ino Teresa, ul. Marchlewskiego 3/2, PL-41-703 Ruda Slaska, Pollando.
2804 mkpr-u Persson, S-ro Mikl, Skansenv. 9, S-430-40 Särö, Svedujo.
2805 sjkl-j Sellin, S-ino Kjell, Pl. 762 Stackarp, S-31010 Våvtorp, Svedujo.
2806 gali-t Galisova, S-ino Marie-Irma, Kurŝovce I/91, CS-95504 Topolĉany, Ĉĥoslovakio.
2807 stfn-p Stefanova, S-ino Maria, Peffiho 23, CS-94052 Nove Zamky, Ĉeĥoslovakio.
2808 mcke-z Macko, S-ro Eugen, Schraudolphstr. 2, D-8000 München 40, Germanujo.
2809 bohy-b Kang, S-ino Bohyon, 948-40 Pang-pe 2 Dong, Sochu-gu, Seoul, Korea Resp.
2810 kibu-r Kim Bum-hoe, S-ro, 273-9 Sutakdong, Kuri-si, Dyong-ki-do-Korea Resp.
2811 kyew-b Hong Kye-won, F-ino, 83-8 Jung-hua 1 dong, Jung-lyang-gu, Seoul-Korea Resp.
2812 soyo-b Song Yong-ho, S-ro, Jon-ju 2nd Villa 302-ho, 148-406 Bun-2-dong, Dobong-gu, Seoul, Korea Resp.
2813 annr-r Ritamäki, F-ino Anna Margareta, Pettolavägen 6 B 36, SF-20720 Åbo, Finnlando.
2814 whnr-r Heinrich, S-ro Werner, Guineastr. 36, D-1000 Berlin 65, Germanujo.
2815 wnlu-s Łukaszewicz, S-ino Wanda, STaffa 99, PL-01-884 Warszawa, Pollando.
2816 korj-s Korjavina, S-ino Ludmila, RUS-Krasnojarsk, Ruslando.
2817 msat-u Satô, S-ino Miyako, p/a Oomoto, Ten'on-kyo, Kameoka-ŝi, Kyoto-hu, Japanio.
2818 scst-k Schmitz-Heger, S-ino Dorle, van Cleimontsplein 2, NL-6291 AV Vaals, Nederlando.
2819 dmbm-j Dembo, S-ro M.Gal, 124 Hagalil str., IL 32 683 Hajfa, Israelo.
2820 frhe-g Frimerman, S-ino Ĥedva, 5 Dereĥ-Namir, IL-64929 Tel-Aviv, Israelo.
2821 odre-q Reznik, S-ro Oded, 51 Arlozorov-str., IL-62646 Tel-Aviv, Israelo.
2822 zwri-v Zwebner, S-ino Rivka, 5 Dereĥ-Namir, IL-64929 Tel-Aviv, Israelo.
2823 kesa-l Salzmann, S-ro Karl-Ernst, Weberstrasse 5, D-8940 Memmingen, Germanujo.

## INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO

La plej granda Esperanto-biblioteko, la Internacia Esperanto-Muzeo,
Hofburg, Michaelerkuppel, 1010 Vieno – precize en la centro de la urbo –
bonvenigas vizitantojn dum la Kongreso:
*de lundo ĝis vendredo, 10h00-17h00; fermita semajnfine.*

Presejo: Wolfgang Buchholzer Ges.m.b.H., 1100 Wien, Erlachgasse 98, Tel. 604 23 25




# DANUBA KURIERO

77a Universala Kongreso de Esperanto
Aŭstria Centro Vieno
25a de julio — 1a de aŭgusto 1992

2





Respondeca redaktoro: Andreo Pettyn    Vieno, la 27-an de julio 1992


## INAŬGURO INSPIRA KAJ BONAŬGURA

"La plej granda Universala Kongreso post la dua mondmilito en la 'okcidento' " - tiel karakterizis la ekantan semajnon da kunlabora kunesto la prezidanto de la Loka Asista Komitato, Hans Michael Maitzen. Sed li tuj precizigis siajn vortojn: post la "falo de muroj de miljaroj", kiun ni spertis en Eŭropo ekde la jaro 1989, la kontraŭstarigo "oriento-okcidento" ekperdas sian sencon.

Dum la inaŭgura soleno, kiu okazis inter la 10-a horo kaj 12.30 en la impona kaj teatrece duonluma salono Zamenhof, la proksimume 2500-kapa ĉeestantaro ĉiuminute spertis la modifiĝon de la eŭropa realaĵo, kiu ne povis ne influi nian Esperantan scenon. Pluraj paroladoj aludis la tumultajn okazaĵojn, kiuj plagas regionojn situantajn je la sojlo de nia kongreslando. Pluraj landaj asocioj havis la okazon saluti la kongresanaron je la unua fojo - ĉu ĉar ilia lando jus sendependiĝis, ĉu ĉar antaŭe mankis al ili la eblo alveturi la kongresajn landojn.

En siaj enkondukaj vortoj prezidanto prof. John Wells emfazis, ke nia ĉeesto en urbo internacia kiel Vieno signifas re-asertON de nia konvinko,ke Esperanto estas ĝusta kaj justa solvo por la monda lingvoproblemo. Vieno, kies ĉarmon kaj miton ni persone spertos dum semajno ankaŭ turisme, havos okazon vidi propraokule,ke Esperanto signifas ne nur tri iamajn Universalajn kongresojn (1924, 1936 kaj 1960), Zamenhof-monumenton kaj -parkon kaj Internacian Esperanto-Muzeon - aferojn iel historiajn - sed vivan kaj evoluantan realaĵon.

Post la aludita bonvenıga saluto de Maitzen, Heiner Eichner kaj Herbert Meyer laŭtlegis la mesaĝon de la aŭstria federacia prezidanto Thomas Klestil, kiu esprimis sian simpation al ni, esperantistoj, kiuj per sia strebo al lingva interkompreniĝo kontribuas al la interpopola kaj interkultura proksimiĝo. Alia mesaĝo, tiu de nia Alta Protektanto Heinz Fischer, prezidanto de la aŭstra parlamento, mem filo de esperantistaj gepatroj, enhavis la deziron,ke Esperanto estu ne nur historia memoraĵo i.a. de la laborista movado, sed ankaŭ ideo por la XXI-a jarcento.

La generala direktoro de la Aŭstra Nacia Biblioteko, s-ino Magda Stedl salutis nome de la Ministerio pri Scienco kaj Esploro. Ŝi elvokis la figurojn de famaj aŭstriaj esperantistoj kiel iama federacia prezidanto Hans Jonas kaj la fondinto de la Internacia Esperanto-Muzeo, Hugo Steiner.

Persone alparolis la kongreson ankaŭ la estro de la Viena UNESKO-Komisiono, s-ro Mornadou Seck. Li substrekis la similecon inter la klopodoj de Unesko kaj UEA: ĉar militoj naskiĝas en la spirito de

la homoj, en ilia spirito necesas batali kontraŭ ili.

Bondeziroj de nemalmultaj ambasadejoj indikis la internacian agnoskon por nia afero kaj kongreso. Persone ĉeestis la inaŭguron la ambasadoroj de Slovenio kaj Kubo en Aŭstrio; la konsilistoj de la finna kaj franca reprezentejoj, la sekretario de la brazila ambasadejo (cetere mem kongresano) kaj aferŝarĝito de Israelo. Verkisto Phil Bosmans, fondinto de "Movado sen nomo", estis prezentita ĉi-punkte. Skribaj salutoj venis, en Esperanto, de la slovena kaj israela ambasadoroj kaj de la bjalistoka urbestro: dum la unua akcentis la bezonon esti neŭtrala nur mondpercepte, sed ne inter etiko kaj maletiko, kaj la dua la komunajn trajtojn de Israelo kaj Esperantujo (ambaŭ parolas konscie kaj plane vivigitan lingvon, ambaŭ kantas himnon "La Espero"), la lasta eldiris sian esperon pri la konstruigo de la Esperanto-Centro en la naskiĝurbo de Zamenhof.

Fine de tiu ĉi parto, la hispana ambasadoro invitis la kongresanojn al la venontjara UK en Valencio per elokventa parolado, kiun la publiko sajnis kompreni eĉ sen interpreto.

Bondezirojn sendis, en la angla lingvo (ĝenerala sekretario Ian Jackson ne forgesis precizigi ĉirilate), la ĉefministro de Novzelando Jim Bolger kaj la estro de la opozicio el la sama lando; ambasadoroj de Aŭstralio, Ĉeĥoslovakio kaj Grekio, kaj la kultura ataŝeo de Usono.

La esencan kaj plej pensigan parton de la solenaĵo, la paroladon de Louis C. Zaleski-Zamenhof, antaŭis mallonga muzika interludo. S-inoj Staneŝnikova kaj Puhova pianis, Sarah S. Jones violonis la komponaĵon.

Tiuj artaj sonoj konvene agordis la atentojn al la "gam-nota" parolado de la nepo de L. L. Zamenhof, el kiuj ni citas kelkajn erojn, kiuj denove pruvas la aktualecon de la "interna ideo", inspirinta la ekkreinton de nia lingvo.

## Esperanto-parko en Vieno inaŭgurita

**Sabate, la 25-an je la 17-a horo,** en Karlsplatz, centra placo de Vieno, okazis inaŭguro de Esperanto-parko, kien oni translokigis ankaŭ la Zamenhof-buston, kiu de la jaro 1958 troviĝis en la parko malantaŭe de la Viena Borso. La solenaĵon partoprenis proksimume 100 personoj. La alvenintojn bonvenigis muzikista dueto Margarete Zink kaj Thomas Kleemann el Germanio per Beethoven-duo. Sekvis saluto de D-ro Maitzen, flanke de la loka asista komitato, en kiu li prezentis la historion de la viena Zamenhofmonumento. Laŭvice la prezidanto de UEA, prof. John Wells omaĝis Doktoron Zamenhof kaj s-ano Vokal deklamis la poemon de Hugo Kraus pri Zamenhof, kiun oni laŭtlegis jam okaze de la inaŭguro en 1958. En la nomo de la Internacia Esperanto-Muzeo Vieno festparolis Herbert Mayer, citante i.a. la vortojn de Zamenhof, kiuj iusence aludas al la aktuala situacio intergenta en Eŭropo. La renkontiĝon fermis muzika prezentado de la sama juna kaj tre simpatia dueto kaj tuj poste la kunvenintoj povis foti unu la alian por memorindigi ĉi tiun okazaĵon. La kongresanoj, kiuj ne partoprenis havos la ŝancon viziti la Esperanto-Parkon, centre de la urbo, dum la venontaj kongresaj tagoj.

## Novaj komitatanoj "C"

Al la novaj kongresanoj ni rememorigu, ke la Komitato de UEA havas tri kategoriojn de membroj: ili estas komitatanoj A - nomitaj de la aliĝintaj landaj asocioj, fakaj asocioj kaj TEJO, komitatanoj B - reprezentantaj la individuajn membrojn de UEA kaj komitatanoj C, kiujn elektas kune komitatanoj A kaj B ĝis maksimume kvarono de sia propra nombro. En sia unua kunsido sabate la Komitato elektis jenajn naŭ membrojn en la kategorio C; ili

estas:
D. Blanke (Germanio - 28 vocoj el 33), P. Branco (Portugalio - 21), B. Cassini (Italio - 18), B. Despiney (Francio - 27), Hug imoto T. (Japanio - 18), S. MacGill (Hungario - 25), J. Saheb-Zamani (Irano - 20), S. Gilsu (Koreio - 27), Umeda Y. (Japanio - 25).
Sendepende de la kategorio, ĉiuj komitatanoj estas samrajtaj. La kategorio indikas nur la manieron de la elektiĝo.

## Grava por ĵurnalistoj !!!

La kunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEJA) okazos ne - kiel anoncite en INTERNACIA ĴURNALISTO n-ro 3/92 - je la **17.30**, sed unu horon pli frue, do jam je la **16.30, marde la 28-an de julio** en la **salono GRABOWSKI**.

## KUNVENO DE LA LEGANTOJ DE LA REVUO "ESPERANTO"

**Marde je la 15.15 h.** okazos kunveno de legantoj de la revuo Esperanto. La redaktoro Istvan Ertl invitas ĉiujn, kiuj volas... linĉi lin (post la lunĉo) aŭ lanĉi novajn ideojn, kiuj helpus venki la malfruon... cetere jam malaperantan. Krome vi havos la unikan ŝancon vidi numerojn, kiujn vi ankoraŭ ne ricevis hejme.

## ĈU INTERESAS VIN SURSTRATAJ DEMONSTRACIOJ FAVORE AL ESPERANTO ?

Evidentiĝas, ke oni povas popularigi Esperanton diversmaniere, sed tamen ĉiam oni faru ĉi tion serioze, eĉ se iom nekutime, ekz. surstrate, en parko aŭ simile. Se interesas vin la problemo venu **marde 15.15 h. (salono Baghy)**. Tute aparte oni invitas tiujn, kiuj surstrate inaŭguris la E-parkon en Vieno lastsabate kaj povas prezenti sian propran sperton.

## GRAVA POR PEDAGOGOJ

La tago de la lernejo, marde, disvolviĝos sub la gvido de s-ino BARCSAY Zsusa en salono HODLER (nivelo U2), inter la naŭa horo kaj tagmezo. Enkonduka alparolo de la nova prezidanto de ILEI, Stefan MacGILL, klopodos analizi kiom da instruado bezonatas por teni stabilan komunumon de esperantistoj. Sekvos plurpersona prezentaĵo pri la vivo kaj gvidprincipoj de la renoma pedagogo Komenio. El tiu historia kaj teoria bazo, ni progresos al praktika elmontro, per du model-lecionoj kun grupeto de junuloj. La unua temos pri muziko, sub la gvido de ges-roj F. G. kaj R. RÖSSLER, la alia pri geografio. Ili ilustros la celojn de la nove lanĉita Gimnazio de ILEI, okazonta en Bratislavo tuj post la UK.
S-ino Mila van der HORST skizos nunan staton de planata vidbenda kurso en Esperanto. La programon fermos koncizaj informoj pri aliaj eldonaĵoj, kursoj kaj servoj de ILEI.

## NOVA LERNOLIBRO LANĈITA EN LA UK

La dua kajero de la situaci-komunika lernolibro "Tendaraj tagoj" ĵus aperis kaj estas akirebla en la libroservo kontraŭ 95 ATS. Ĝin eldonis UEA/ILEI kaj la hungara junularo.

## PREMIERO - LA PLEJ NOVA E-FILMO DE R. DOBRZYNSKI

**Lunde, la 27-an de julio, je la 16-30 horo** en la salono **Waringhien** (C) dum la kunveno de Bahaa Esperanto-Ligo (BEL) oni prezentos novan filmon de Roman Dobrzynski. Lastjare dum kelkaj tagoj s-ro Dobrzynski, laŭ profesio redaktoro ĉe la pola TV, estis la bahaa mondcentro en Hajfo, Israelo, kaj faris 30-minutan dokumentan filmon, kiu en aprilo unuafoje oni montris en la pola TV kaj ĝi ricevis multajn laŭdojn aparte pro ĝia arta alta nivelo. Nune pretas la esperanta versio, kiu estos montrata sur granda ekrano por la UK-a publiko. Tiun ĉi premieron ĉeestos s-ro Dobrzynski mem.

## IKEL-KUNSIDOJ

Internacia Komitato por Etnaj liberecoj havos 4 apartajn kunsidojn, ĉiuj tre proksime ligitaj kun la kongresa temo kaj esence aktualaj en la nuntempaj etnaj perturboj skuantaj Eŭropon.

**Lunde 16 h. 30, Steiner** "Etnismo, naciismo kaj ŝovinismo. Esperantismo kaj kosmopolitismo. Ideoj kaj ideologioj."
**Marde 10 h. 45, Steiner** "Slovenoj, kroatoj, madjaroj kahj ce'oj en Aŭstrio"
**Ĵaŭde, 09 h. 00 Baghy** "IKEL dum 1991 kaj estontaj jaroj". Informkunveno.
**Vendrede, 12 h. 30 Grabowski** "Aktualaj interetnaj problemoj tra la mondo".

## AKCEPTO DE LA TEJO-PATRONOJ

okazos en salono PRIVAT marde, la **28-an de Julio je la 15.30 horo** ce la UEA-giĉeto. Nepatronoj havas ankoraŭ eblecon patronigi por helpi al nia junulara movado!

## JUNULARA BRUEJO

funkcias ĉiuvespere en la amasloĝejo Hü tteldorf. Ĉiuj gejunuloj kaj tiuj, kiuj eltenas bruon kaj rokmuzikon estas bonvenaj.
Adreso: Hüttelbergstrasse 1
Onidire la rokmuziko faciligas la senera-ran uzon de la akuzativo (akuz-at-iv-o).

## IJK OKAZAS EN MONTREALO, KANADO

Tuj post la UK. TEJO refoje montras sian interesiĝon kaj tutmondecon kongresante ekster Eŭropo en 1992. Ankoraŭ eblas aliĝi kaj veturi al Montrealo! Agrabla IJK estas garantiata!!!

## HONORAJ MEMBROJ DE UEA

Sabate, la Komitato decidis atribui Honoran Membrecon de UEA al la jenaj meritplenaj personoj:

Sylla Chaves (Brazilo i.a. pro la provizado de modernaj instruiloj al la brazila E-movado, Ferenc Jaki (Hungario) pro la iniciatoj ligitaj kun la leĝigo de la elekteblo de E-o kiel studobjekto en ĉiuj hungaraj lernejoj, Leopoldo Knoedt (Brazilo) i.a. pro la traduko de "La luzidoj", unu el la plej elstaraj tradukaj entreprenoj, Jaroslav Marik (Ĉeĥoslovakio= pro la diversflanka agado, i.a. pro la kunfondo de la Ĉeĥa E-Asocio, Elna Matland (Norvegio), pro la organizaj sukcesoj ligitaj kun la UK en Bergeno, Olle Olsson (Svedio) pro la multjara pedagogia agado, i.a. por ILEI, Umberto Stoppolani, pro la multaj iniciatoj kaj atingoj en la lastaj 3 jaroj kadre de IEF, Josef Vondroušek (Ĉeĥoslovakio), pro multaj organizaj atingoj, E. L. M. Wensing (Nederlando) pro la agado en UEA-estraro kaj por la efektivigo de "Internacia komerca-ekonomika vortaro". Gratulon al la novaj Honoraj Membroj!

*Daŭrigo sekvos ...*

---

Presejo: Wolfgang Buchholzer Ges.m.b.H.
1100 Wien, Erlachgasse 98, Tel. 604 23 25



# DANUBA KURIERO

77a Universala Kongreso de Esperanto
Aŭstria Centro Vieno
25a de julio — 1a de aŭgusto 1992

3



Respondeca redaktoro: Andreo Pettyn

Vieno, la 28-an de julio 1992

*Daŭrigo de la raporto pri la Inaŭgura solenaĵo:*

## El la festparolado de d-ro Louis Zaleski-Zamenhof

"La ĉefa fonto de miaj hodiaŭaj vortoj estas la "Preĝo sub la verda standardo", prezentita al la unua el viaj Universalaj Kongresoj (do sepdek ses kongresojn pli frue), kaj "La Espero", iĝinta intertempe la himno de via nobla movado."

"Tiam FORTE STARIS MUROJ DE MILJAROJ, kaj LA OBSTINAJ BAROJ INTER LA POPOLOJ DIVIDITAJ ankoraŭ ne pretis DISSALTI... Tute kontraŭe, nur kelkajn jarojn poste, dum la Dua mondmilito, sekvis raba detruado de nia terglobo, kaj ĝuste tiam troviĝis arkitektoj por konstrui ne nur figur-sencajn, sed realajn, palpeblajn murojn el betono kaj pik-drato - por apartigi kaj enfermi homojn, iuj Dion MALSAME PREZENTIS, kiuj de alia "raso" estis kaj alian lingvon parolis! Plie ankoraŭ, dudek jarojn poste, do nur tridek jarojn antaŭ la nuna tago, kolegoj de tiuj monstraj arkitektoj de la kontraŭ-homaraj krimoj rekomencis la konstruadon de simile realaj kaj palpeblaj muroj, por disigi homojn, kiuj malsamajn ideologiojn proklamis.

Ambaŭfoje la muroj EKKRAKIS KAJ ILI EKBRUIS. Mi persone estis kaj enfermito, kaj vida atestanto de la detruo de tiuj muroj. La unuaj falis en sango, en sufero, en malamo; la duaj tamen falis en paco, en ĝojo, en amikeco retrovita. Tiu kontrasto estu la atendita signo de progreso! Ĝi permesu esperi, ke ankau la aliaj, ankoraŭ ekzistantaj muroj, figur-sencaj au realaj, falos same en paco kaj ĝojo."

"PREĜANTE SUB LA VERDA STANDARDO, vi ĴURIS LABORI POR REUNUIGI LA" HOMARON.

La KOMUNA EŬROPA DOMO estu do domo sen apartigaj muroj, nek internaj,nek periferiaj. Ni tien NE VENU KUN DOGMOJ DE BLINDA FERVORO! Ni LABORU, ni, LA ESPERANTOJ, por ke tiu domo fariĝu ero en la domaro de la GRANDA RONDO FAMILIA."

"Ni neniam permesu al ni forgesi, al kia katastrofo kondukis ĉi tiun kontinenton, antaŭ nuraj kvindek jaroj, la tiama tiel nomata "Nova Eŭropa Ordo",

trudita al la popoloj, perforte "unuigitaj". Nur kelkajn jarojn antaŭ ol la nazioj perfortis Eŭropon, mi troviĝis en ĉi tiu sama urbo, en Vieno. Antaŭ kvindek ses jaroj, en 1936, okazis ĉi tie la 28-a Universala Kongreso de Esperanto. Mi estis tiam 11-jara knabo. Mi venis al Vieno kun miaj gepatroj kaj familianoj. Ni ĝuis la ravan urbon kaj ĉi tiun saman - kaj unikan - etoson de internacia kompreno, kiu regas hodiaŭ en via Inaŭguro. Neniu tiam povis imagi la baldaŭan kataklismon, kiu atendis Eŭropon. La Unua mondmilito vidis la KORON EKSALTI FOR de la korpo de Doktoro Zamenhof. La dua vidis lian filon (mian patron) mortpafita, ĉar portinta la nomon de Zamenhof, liajn filinojn deportitaj al kampu de morto, ĉar apartenintaj al nacio malbenita. Ni tamen memoru, ke kvardek jarojn poste, dum la pasinta jardeko, ĉi tiu urbo Vieno kaj la ĉarmaj vilaĝoj de Salzkammergut grandanime malfermis siajn pordojn kaj malavare gastigis dekmilojn da rifuĝintoj el la alia flanko de la sanceliĝantaj muroj ilin enferemintaj. Do ne decas respondecigi la nunajn, sanajn generaciojn pro agoj de iliaj patroj. Ni devas pardoni la popolojn, tiel sekvante la vojon iam kurage montritan fare de Charles de Gaulle kaj de Konrad Adenauer. Ni tamen ne povas pardoni la kontraŭhomarajn krimojn. Ni neniam rajtos forgesi."

Tial, forgante nun KOMUNAN EŬROPAN DOMON, la domon de la estontaj feliĉaj eŭropanoj, ni estu konsciaj hodiaŭ pri la spertoj de la historio: la popoloj estu libere unuiĝantaj, neniam unuigataj. Por la bona interkompreno de la homoj formantaj tian unuiĝon, por la bona interkompreno de la homoj apartenantaj al malsamaj unuiĝoj sur nia terglobo, ni daŭrigu proponadi la servojn de la neŭtrala Internacia lingvo. Ni esperu, ke ĝiaj centjaraj sperto kaj "juneco" konvinkos milionojn da uzontoj, tiel faciligante la EFEKTIVIĜON DE LA BELA SONĜO DE LA HOMARO."

# MODESTA, SED ĈARMA AŬSTRIA VESPERO

Atendante la Aŭstrian Nacian vesperon multaj kongresanoj esperis iun pompan renkontiĝon kun famaj aŭstraj ĉarmaĵoj, prepariĝis por spekti kaj aŭskulti altnivelan koncerton prezentantan komponaĵon de famaj muzikklasikuloj.
Anstataŭ tio la Loka Asista Komitato kunlabore kun la Internacia E-Muzeo invitis nin al rondiro tra diversaj regionoj de Aŭstrio helpe de vidbendaj filmoj, lumbildoj, popoldancoj kaj kantoj. La bildon pri la lando kaj ĝia kulturo akompanis prezento de elektitaj Esperanto-literaturaĵoj de aŭstraj aŭtoroj.
La tuto povis seniluziigi tiujn, kiuj prepariĝis por la "viena pompo" spiniĝanta preskaŭ ĉiupaŝe tuj de la sojlo de la kongresejo. Sed la aŭtoroj de la vespero videble konscie ne volis imponi per riĉeco kaj pompo.
La zorgeme kolektitaj fotobildoj ebligis ekkoni la ĉarmon de variaj pejzaĝoj de la lando, montris la riĉecon de ĝia arkitekturo, ebligis enrigardi diversajn internojn de ĉiutaga vivo en Aŭstrio.
Ni povis partopreni geedziĝan feston kaj vingustumadon, admiris la ĉarmon de bovinoj en vilaĝoj kaj tre rapide translokiĝi al vienaj koncertejoj kaj parkoj. La bildojn akompanis nur magnetofonbenda, tamen bela, klasika muziko.
La dua gvidformo estis popolaj dancoj kaj kantoj prezentitaj de la Popoldancgrupo de la Sport-Instituto de la Universitato de Vieno, gvidata de Heinz Kasparovsky kaj la koruso "Michaels Kammerchor" direktata de Michael Hladik.
La modestaj kostumoj de la dancgrupo kaj la koruso, signantaj popolecan karakteron de la prezento, ne ravis per sia bunto kaj varieco, sed ebligis direkti la atenton al la programo, al dancoj, rimarki ĝiajn nuancojn. La dancoj estis prezentitaj sen polurigа stilizado, en tradicia formo tiel kiel oni tradicie dancis dum diversaj regionaj festoj - libere, nature, ĉarme.
La koncepto montri la dancantojn kaj la koruson samtempe sur la scenejo kaj surekrane ebligis pli bone observi specifajn paŝojn kaj movojn de variaj, ĝenerale trankvilaj dancoj kaj la spektantoj havis la impreson, kvazaŭ ĉiuj estis inter dancantoj kaj kantantoj. La aŭtoroj de la programo faris eĉ pli kaj proponis al la kongresa publiko komunan popoldancon kaj la gvidanto de la koruso lerte kantigis kongresajn sopranojn kaj basojn.

La prezento de elektitaj Esperanto-literaturaĵoj celis montri la kontribuon de aŭstrianoj al la esperantlingva literaturo dum diversaj periodoj. Ni aŭdis do tekstojn de ne larĝe konataj verkistoj Leonardo Frank, Nicolao Havonka, Hugo Sirk kaj la pli novajn tekstojn kiel "Mia patrina tago" de Jolanthe Leser kaj "La supo" el la antaŭnelonge eldonita kolekto "Vienaj legendoj". Tio certe ne estis la plej grandaj perloj de nia literaturo, sed multaj aŭskultantoj ĝuis ilin, precipe la lastajn, des pli, ke ili estis prezentataj de la konata Esperanto-parolisto de la Radio Vieno Internacia - sinjoro Emil Vokal kaj sinjorino Ingrid Plazotta.
Plaĉis ankaŭ al ĉiuj simpatia gvidado tra la programo fare de Helmut Brath.
La vere vienan etoson signis la leĝera dancmuziko, kiu tiel akompanis la aŭskultantojn, ke ili duone dancante forlasis la salonon.
Resume, la vespero estis iom modesta, sed samtempe donis vastan superrigardon pri la lando kaj ĝia kulturo.

Teresa Nemere (PL)

## BONEGA SERVO EN LA AKCEPTEJO

... diras al mi senescepte ĉiuj kongresanoj, kiujn mi renkontis en la granda halego, kie troviĝas la diversaj giĉetoj.
Gesinjoroj Huzimoto (Japanio) diras, ke en la giĉetejo regas tre agrabla agordo. La deĵorantoj aranĝas ĉion kun rideto. C. Dazzini (Italio) konstatas, ke ĉiuj menditaj servoj estas en ordo. Bettahar M' Hamed (Algerio) goje diras, ke la etoso en la kongresejo estas tre amika. Rumana mon  ino Stoff M. Zita konfesas al mi "Tre kortuŝas min la fakto, ke mi denove estas meze de la gesamideanoj post pli ol 30-jara foresto. Ŝi esperas, ke ŝi ekligos multajn amikajn kontaktojn.
K. D. Dungert (Germanio) partoprenas sian unuan kongreson post la unuiĝo de Germanio kaj esperas retrovi malnovajn geamikojn.
Terhi Laaksonen (Finnlando) deĵoras ĉe la giĉeto "Dokumentoj", ŝi helpas, sed samtempe ŝi kolektas spertojn por pli bone organizi la estontan UK en Tampere (1997), "se - kiel ŝi emfaze diras kun rideto - UEA akceptos nian projekton."
Katarina Bodnárová (Slovakio) informas min, ke venis 70-persona grupo el Slovakio, kies anoj loĝas en Slovakio kaj ĉiutage venas al Vieno per speciala aŭtobuso. "Tio estas iom laciga - ŝi konfesas - sed certe malpli multekosta." Deĵorantino ĉe "Dokumentoj", Tania Berger (Aŭstrio) diras, ke ĉio pasas glate "normale", neniaj problemoj. Ĉie oni vidas babilantajn homgrupojn, en agrabla etoso renkontiĝas malnovaj geamikoj, ligiĝas novaj kontaktoj. Ŝajne la komenco estas tute bona. Ke same estu ĝis la fino. (AN-PE)

## KAJ LA UNUAJ PLENDOJ

Italaj, bulgaraj kaj francaj kongresanoj plendis, ke jam la 21.30 horo oni forigas la partoprenantojn de la Interkona Vespero. Iuj poloj proponis estonte organizi Interkonan Posttagmezon. Sed por svedaj kaj kelkaj finnaj kongresanoj pli alloga montriĝis la Interkona Nokto en Prater-amuzejoj, kie la babiladon plivigligis la biertrinkado. Ĝenerale la sola plendo plej ofte ripetiĝanta estas la tro malgrandkvante disponigitaj sidlokoj en la ĉefa kongresa halego.

## POR LA KONGRESA "KURIERO"

Ian Jackson (Britio) kaj Humphrey Tonkin (Usono) lanĉis la diskutadon pri la kongresa temo en salono Lapenna (hieraŭ) je 17h.00. S-ro Jackson resumis la lastatempajn politikajn renversojn en Eŭropo: la apero de "Glasnosto" kaj "Perestrojko" en Sovetunio. La falo de la Berlina Muro, la Reunuigo de Germanio, la diserigo de la Soveta Bloko per la sendependigo de la unuopaj Respublikoj. Tiun eventon li metis en sian historian kuntekston. Spurante la elformigon de Eŭropo tra la jarcentoj. Leviĝis la demando: Ĉu la stastatempaj eventoj pelas Eŭropon antaŭen al paca interpopola kunlaboro aŭ reen al la sangaj epizodoj de ĝia historio. Prof. Tonkin diris de la starpunkto de Usono pri la politikaj kaj ekonomiaj ŝanĝoj por veni al tutmonda perspektivo. Survoje li konstatis, ke jam ekstaras novaj muroj inter la popoloj: subita perdo de strategia signifo kondukas al plena neglekto flanke de la monda komunumo pri iuj landoj tre suferantaj: ekzemple, Somalio. Aliflanke kreskis la kapablo de Unuiĝintaj Nacioj efike interveni: fakte nur UN havis ĉe iometan sukceson influi la surlokajn kondiĉojn en Sarajevo. Prof. Tonkin atentigis pri la danĝero, ke komuna eŭropa domo povus facile ekpercepti sin kiel "blankulan" domon, kun reapero de rasismaj tendencoj. Kaj li esprimis timon, ke la militado, kiu eksplodis en Eŭropo tuj post solvo de la ideologia konflikto inter kapitalismo kaj socialismo, indikas eventualan maleblon enradikiĝi en la eŭropajn sociojn la racion kaj pacamon. Ekzistas angla proverbo: Kiam la kato forestas, ludas inter si la musoj. Usonanoj konstatas, ke ĉi-kaze la proverbo malĝustas. La musoj ne ludas, sed feroce batalas.

**Ian Jackson,**
**kunordiganto pri la kongresa temo**

## LA LIBROSERVO INVITAS

Jam de sabato funkcias la kongresa LIBROSERVO (salono Kalocsay - sur la unua etaĝo). Oni ofertas tie pli ol "00 titolojn de libroj, inter kiuj troviĝas tute novaj kiel "Fundamenta Krestomatio" (kun lingvaj notoj de prof. W. G. Waringhien), "Winnie-La-Pu" (por infanoj, kun anglalingvaj klarigoj) kaj krome "Aktoj de la Akademio 1975-1991". Cetere oni ofertas ne nur librojn, sed ankaŭ sondiskojn kaj sonkasetojn kun E-kanzonoj kaj videobendojn de plej diversaj firmaoj. Samloke de lundo funkcios la "kongresa bazaro" (pri ĝi legu en la "Kongresa Libro"). Inter la porinfanaj libroj la atenton de la vizitantoj altiras "Anne Frank ne estas de Hieraŭ" - premiita infanlibro por ĉiuj aĝoj. Kaj do, nun vi jam scias, kien iri por trovi donacon al via samklubano, kiu ne povis veni al la kongreso aŭ al via leteramiko. Memoru, ke donacoj plifirmigas la amikecon!

## ELDONAĴOJ EL ISRAELO

Nun havebla en libroservo:

* La kasedo **"Israelo kantas"** - novaj kaj malnovaj Israelaj kantoj en Esperanto kun libreto.
* La jam konata konversacia komputil-programo **"Eliza"** - kiu libere konversacias kun la uzanto kaj mem evoluigas la konversacion ludante la rolon de psikiatro. (Sur komputila fleksa disko, kun instrukcioj).

Kontaktu KN-1768 - por pagi debetu la konton de Esp.-Ligo Israelo aŭ kontaktu s-ron Amri Wandel, 1768.

## EL LA ALPAROLO DE LA AMBASADORO DE LA RESPUBLIKO SLOVENIO d-rino Katja Boh -

*(dum la inaŭgura solenaĵo kaj malfermo de la 77-a Universala kongreso de Esperanto en Vieno, dimanĉe, 26-an de julio 1992)*

Ĝuste antaŭ unu monato ni festis la unuan jaron de nia sendependeco. Tiuokaze mi volas danki al ĉiuj esperantistoj en la mondo, kiuj dum nia dektaga milito kontraŭ la agresinto morale kaj informe subtenis la rajton de ĉiu popolo mem

decidi pri sia ŝtata kaj socia formo kaj aparteno. Mi precipe dankas pro ĉiuj protestoj, kiujn la esperantistoj sendis al siaj registaroj kaj amaskomunikiloj, kiuj en tiuj malfacilaj tagoj helpis nin elteni - kaj helpis la mondon, objektive informiĝi pri la voro. Mi petas vin, estimataj esperantistoj, ke vi konservu la valoron de neŭtraleco en la senco de religio, mondpercepto kaj politika orientiĝo - sed ke vi ne estu neŭtralaj inter krimo kaj justeco; inter la murdanto kaj la viktimo!

Permesu, karaj kongresanoj, ke mi prezentu al vi la Slovenan kontribuon al via kongreso.
Jen la unua antologio de la Slovena literaturo en la Internacia Lingvo Esperanto: SUNFLANKE DE ALPOJ. Ĝi aperis omaĝe al la esperantista servo je vero kaj omaĝe al la unua jubileo de la sendependa Slovena stato. Permesu, sinjoro prezidanto, doktoro Wells, ke mi ĝin donacu al vi simbole por ĉiuj esperantistoj!

## IKUE-KONFERENCO

La salono Baghy estis plenŝtopita, sed partoprenis ankaŭ ne-IKUE-anoj kaj eĉ nekatolikoj. Temis pri: 1. reelekto de IKUE-prezidanto p. Duilis; 2. elekto de la unua vicprezidanto De Salvo; 3. eldono de nova jam aprobita meslibro; 4. aprobo de IKUE kiel katolika organizaĵo; 5. favoro de la Papo al la E-movado; 6. radioelsendoj de Radio Vatikan dufoje en la semajno; 7. raporto pri la ekumena kongreso en Velence.

## EKUMENA DISERVO

Dimanĉe en Votiv-preĝejo (Vieno) c. 800 gekongresanoj partoprenis ekumenan meson, kiun celebris 10 sacerdotoj kaj 3 pastoroj. Predikis pastoro A. Burkchard (Germanio) pri la unuigo de kristanoj. Memorinda diservo, spirita etoso.

## VENU ADMIRI LA KANTADON DE ANJO AMIKA!

Anjo, najtingalo de hungaraj esperantistoj, kiu lastatempe ofte kantas en la Esperantaj dissendoj de Hungara Radio, plezurigos nin per sia arto ankaŭ en Vieno. Ŝi rolos kune kun Klara Mikola, i.a. marde, la 30-an de julio, je la 15.00 en la salono Waringhien. Krome Anjo partoprenos aranĝojn de KELI - vendrede, la 31-an de julio, je la 15.45h., en la salono Wüster, kaj kantos en Internacia Arta Vespero, samtage, 20-a horo en salono Zamenhof.

## ESPERANTISTA GEEDZIĜA CEREMONIO

Nikolai Lozgaĉev KN 0466 kaj lia edzino Elena KN 0464 invitas ĉiujn dezirantojn partopreni la religian nuptosolenaĵon en la rusa ortodoksa preĝejo Sankta Nikolao, laŭ la adreso: Jauresgasse 2, centre de la urbo. Veturi de la Kongresejo per U-Bahn 1 ĝis Praterstern (Wien-Nord), poste per Schnellbahn 1,2,3,7,1' ĝis Rennweg, poste iom malantaŭen. Komence je la 10-a matene en merkredo, la 29-an de julio.

## TEJO - FUNKCIULOJ DEĴOROS:

* Sabira & Sjoerd, marde, 12-13 h. - pri eksteraj rilatoj;
* Andy & Danny, ĵaude, 12-13 h. - pri landa agado k. pasporta servo;
* Thomas & Francisco vendrede 12-13 h.

Pri informado k. kontakto EN LA EJO-BUDO, KIU FUNKCIAS ĈIUTAGE 11-15 h. - krom merkrede.

## LASTMOMENTE

Fine ni bonvenigas la 3000-an kongresanon, pli precize kongresaneton - kiel evidentiĝis post la tralego de la aliĝilo, kiun verŝajne plenigis la avino. Temas pri f-ineto Buda Katarina el Pollando, 3-jara. Gratulon al la avino, kiu ĝustamomente plenigis la aliĝilon.

Presejo: Wolfgang Buchholzer Ges.m.b.H.
1100 Wien, Erlachgasse 98, Tel. 604 23 25



# DANUBA KURIERO

4

77a Universala Kongreso de Esperanto
Aŭstria Centro Vieno
25a de julio — 1a de aŭgusto 1992



Respondeca redaktoro: Andreo Pettyn    Vieno, la 29-an de julio 1992

**LA NOVA ESTRARO DE UEA**

Rezultoj de la estrarelektoj:

| | | |
|---|---|---|
| Prezidanto: | D-ro JOHN WELLS | |
| Estraranoj | ULRICH LINS | 55 voĉoj |
| | MARK FETTES | 53 voĉoj |
| | IAN JACKSON | 52 voĉoj |
| | HANS BAKKER | 48 voĉoj |
| | SO GILSU | 45 voĉoj |
| | MICHAELA LIPARI | 43 voĉoj |

Por la nombrintoj (F. Luin)

**Jarlibro aperis,**
**ESPERANTO kaj KONTAKTO REKAPTAS LA RITMON**

Kelkaj bonŝanculoj venis al tiu ĉi UK kun la ĉi-jara Jarlibro, kiu estis ekspedita lundon, la 20-an de julio. Plejparto de la membroj ricevos ĝin dum la kongresa semajno aŭ baldaŭ poste. (Cetere, se vi ankoraŭ ne estas membro, **ĉe la giĉeto de UEA vi povas aliĝi kaj tuj ricevi vian ekzempleron!)**

Dum la lastaj semajnoj la Centra Oficejo en Roterdamo fakte similis al granda ekspedejo. Koridoroj plenis de skatoloj, kiuj atendis kamionon por forporti ilin. La monata "Esperanto" post grava malfruado komencis aperi ĉiun duan semajnon: la junia numero estis ekspedita vendredon, la 24-an de julio. Komence de aŭgusto sekvos ĝin la julia-aŭgusta. Por tio nia revuo denove kaptos normalan aperritmon.

Dum la kongresa semajno eliros el presejo n-ro 2/92 de "Kontakto" kaj sekva numero ankoraŭ en aŭgusto. "Kontakto" heredis la malfruon de la antaŭa jarkolekto, kies lasta numero aperis nur en aprilo ĉi-jare. La jarkolekto 1992 de tiu ĉi tute renovigita revuo kompletiĝos antaŭ la jarfino.

La ĉefa kaŭzo de la malfruoj estis, ke la redaktoroj de ĉiuj tri eldonaĵoj ŝanĝiĝis. Tio en si mem sufiĉus por afekti regulan aperadon, sed ĉi-foje aldoniĝis kelkaj pliaj problemoj, ekz. la redaktoro de "Esperanto" povis ellabori pli malfrue ol planite. Ankaŭ la Jarlibron jam havus plejparto de la membroj, se la bindejo ne estus baraktinta super ĝi du semajnojn pli longe ol kutime.
Ni esperu, ke malgraŭ la rapida ritmo vi sukcesos tralegi ĉion, kion oni sendis al vi en la nunaj semajnoj!

**EVA KUNVENIS**

Esperanta Verkista Asocio havis sian jarkunvenon dimanĉon je la 15.45. Trideko da ĉeestintoj (el kiuj kvin membroj de EVA) pridiskutis la organizajn problemojn de la jaro pasinta kaj diskutis pri la planoj por la jaro venonta: skriban raporton disponigis la sekretario de la asocio W. Verloren van Themaat kaj la kunvenon gvidis Spomenka Štimec. El la laborprogramo de EVA elstaris informoj pri la simpozio de EVA okazonta en Poprad en Slovakio, gvidota de Istvan Ertl. Dum la simpozia semajno (de la 1-a oktobro ĝis la 6-a de oktobro) oni traktos diversajn aspektojn de prezentiĝo de la Esperanta literauro en la naciaj lingvoj. La gastiganto de tiu aranĝo estas Internacia Kultura kaj Kleriga Centro en Poprad, kiu bonvenigas aliĝojn. (Sobotske na. 6 CS-05801 Poprad, Slovakio).
EVA esperebIe prezentiĝos ankaŭ ĉe la Internacia PEN-kongreso en Dubrovnik en 1993 kaj intertempe oni taskigis la estraron de EVA esplori la detalojn pri intertempe fondita Esperanta PEN-Centro.
Post la forpaso de la giganto de nia lingvo Gaston Waringhien EVA aktuale nombras 81 membrojn. Ni rememorigu, ke la prezidanto de la asocio estas William Auld.

S. Štimec

## Temo de la tago: LIBROJ

*"Libroj estas niaj monumentoj kaj niaj eldonistoj estas tiuj mirakluloj kiuj el la seka lignajo la mielon gutigas".* Tiel estis enkondukita la lunda ĉeftemo dedicita al la eldonajoj en Esperanto.

La programo komenciĝis per la omaĝo al Gaston Waringhien, per "Adiaŭ" de Marjorie Boulton.

Dum la arango fragmentojn el la beletraj verkoj prezentis Wera Blanke kaj Belka Beleva. La librotagon ĉeestis ankaŭ belga verkisto Phils Bosmans, kies verko *"Ŝanco por feliĉo"* estis prezentita dum li en la spirito de la *Movado sen nomo*, kies fondinto li estas, al la ĉeestintoj adresis siajn bondezirojn.

Pri du novaj ĉefverkoj el la Serio Oriento-Okcidento informis la librotago: pri la nova, reviziita eldono de *"Neĝa lando"* de la japana nobelpremiito Kawabata (eldonita ĉe Libroteko Tokio) kaj *"Majstro kaj Margarita"* de Mihail Bulgakov aperinta ĉe "Sezonoj" en Rusio.

Dum la librotago estis lanĉita nova antologio en Esperanto: *"Sunflanke de Alpoj"* - Antologio de la moderna slovena novelaro redaktita kaj tradukita de Vinko Ošlak. (La libroeldonon finance ebligis Ministerio pri informado de Slovenio kies reprezentanto, viceministro Mirko Fabĉiĉ ĉeestis la solenajon, kiam la slovena literaturo fariĝas posedajo de Esperanto-legantoj.

Ĉina Esperanto-Eldonejo prezentis poemaron de Armand Su kaj Gilbert Ledon sian verkon eldonitan en Brazilo *"Al la Tero returne"*.

Du monumentaj verkoj centris en la arangô, ambaŭ eldonitaj de UEA: *Nova Esperanto Krestomatio* kaj *Fundamenta Krestomatio* (kune pli ol milpaĝaj).

T. Huzimoto informis la publikon pri la lastatempaj eldonajoj de Ludovikito en Japanio.

La librotago memoris ankaŭ pri la kolegoj el Bosnio kaj Hercegovino kiuj aktuale suferas pro la militaj cirkonstancoj en Sarajevo: por ilia kuraĝigo estis prezentita *"La derviŝo kaj la morto"* de Meŝa Selimoviĉ, eldonita en Sarajevo en 1990 en la traduko de Roger Imbert.

Herbert Mayer nome de la eldonejo Pro Esperanto prelegis pri la problemoj de Esperanto-eldonajoj inter hobieco kaj profesieco kaj prezentis siajn novajn verkojn - nepublikigitajn poemojn de Kolomano Kalocsay sub la titolo *"Versojn oni ne aĉetas"* kaj vojaĝlibron de Spomenka Štimec *"Geografio de miaj memoroj"*.

Dum la librotago eblis eksciі, ke en Ruslando aperis eĉ du eldonajoj de *"Metropoliteno"* de V. Varankin!

Per la informo pri denova publikiĝo de *"Winnie la Pu"*, la plej fama urso el ĉiuj infanecoj, estis fermita la ĉijara libroprezento.

Jen venas vico al la legantoj, kiuj decidos pri la sorto de la libroj: aĉetu ilin (la novaj libroj estas prezentitaj sur la aparta tablo en la Libroservo), sed memoru la saĝan konsilon: ne tuj surskribu vian nomon en la nove aĉetitan libron. Ĝi fariĝos via posedajo vere nur tiam, kiam vi finlegos ĝin.

Spomenka Štimec

## ATENTON!

LA KONGRESA LIBROSERVO FUNKCIOS EĈ DUM LA EKSKURSA TAGO! AĈETU LIBRODONACON POR VIAJ GEAMIKOJ! KONTRIBUU AL LA POPULARIGO DE LA E-KULTURO.

### ĈU EN BJALISTOKO ESTOS ESPERANTO-CENTRO ?

Nu, ne facilas respondi ĉi tiun demandon. Certe la bjalistokanoj deziras ĉi tion. Post la 72-a UK en Varsovio oni ankoraŭ memoras pri la ideo de granda Esperanto-Centro honore al la kreinto de la Internacia Lingvo en lia naskiĝurbo. Ni jam sukcesis kolekti preskaŭ milvoluman bibliotekon kaj ni ankaŭ havas grandan Porinfanan Klinikan Hospitalon Ludoviko Zamenhof, kiun pasintjare vizitis preskaŭ cent mil infanoj el la bjalistoka regiono. En Bjalistoko funkcias AIS-Filio kaj okazas Cseh-seminarioj. Se vi deziras eksciі pli kaj deklari kunlaboron kaj subtenon

por la Centro Zamenhof en Bjalistoko bonvolu jaŭde al la ĉambro Wüster je la 12.30.

JP

## ĜUSTIGO DE ERARE SKRIBITAJ NOMOJ

Ni pardonpetas, sed pro la hasta preparado de la 2-a numero de la kuriero (difektiĝo de la printilo) ni preterrimarkis kelkajn erarojn. En la raporto pri la inaŭguro estas "Herbert Meyer" - devus esti **"Mayer"**; "Magda Stedl" devus esti **"Strebl"**; "Hans Jonas" devus esti **"Franz Jonas"**. Refoje ni pardonpetas, sed oni kompostis la tekstojn el manskribaĵoj, kiuj ne ĉiuloke estis klaraj.
ATENTON ! Bonvolu liveri al la Kuriero nur tekstojn, kiuj koncernas la kongresajn okazaĵojn. Aliajn informojn sendu al movadaj gazetoj.

## TAGO DE LA PACO

Ege interesan programon proponis ĉi-jare tiu ĉi tradicia aranĝo, ĉirkaŭ la temo *"Edukado, scienco kaj kulturo por la paco"*. En jaŭda mateno prelegantoj el tri kontinentoj pritraktos la temon, kaj ni povos aŭdi de la ĝenerala sekretario de la Aŭstria Unesko-Komisiono pri la kontribuoj de Unesko sur tiu kampo. Estos ŝanco starigi demandojn kaj diskuti pri la referaĵoj.

(Waringhien, 9-12 jaŭde)

Ni estas tre bonŝancaj havi en la kongreso s-inon Sumi Yukawa, honoran prezidanton de la mondfederistoj. En la dua parto de la Tago de la Paco s-ino Yukawa parolos pri la streboj de la mondfederistoj kaj respondos al demandoj. Pluraj aliaj aktivuloj parolos pri agado por paco, homaj rajtoj, mediprotektado kaj multaj aliaj temoj. Ne maltrafu tiun Forum de la Paco, en Gaghy, 16-18.30 jaŭde.

## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA 1992

POEZIO
1-a premio: ne aljuĝita
2-a premio: Gonçalo Neves (Portugalio) pro *"tempesto"*
3-a premio: Gonçalo Neves (Portugalio) pro *"karnevale"*
István Ertl (Nederlando) pro *"Sumo"*
Partoprenis 68 poemoj de 36 aŭtoroj el 19 landoj.

PROZO
1-a premio: Sten Johansson (Svedio) pro *"Biciklo de eterno"*
2-a premio: Gonçalo Neves (Portugalio) pro *"La afero"*
3-a premio: Elsbeth Eriksson (Svedio) pro *"La negolavango"*
Partoprenis 34 prozaĵoj de 19 aŭtoroj el 12 landoj.

TEATRAĴO
1-a premio: ne aljuĝita
2-a premio: Paul Gubbins (Britio) pro *"Kiam blovas zefiroj"*
3-a premio: ne aljuĝita
Partoprenis 8 teatraĵoj de 7 aŭtoroj el 6 landoj.

ESEO
Premio "Luigi Minnaja": Jan Werner (Ĉeĥoslovakio) pro *"Ĉu konflikto inter vorto kaj nocio?"*
Partoprenis 4 eseoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj

KANTO
Premio "An-okin": ne aljuĝita

FOTOGRAFIO
Neniu premio aljuĝita.

PREMIO "nova talento"
Aira Kankkunen (Svedio) pro la poemoj *"Kaj la merlo kantis"*, *"Karesu singarde la haŭton"* kaj *"Tiliovicoj rektaj"*.

Stimuloj por la Esperanto-kulturo:
**Fondaĵo-FAME prezentas sin *hodiaŭ***
"Nia juna FAME-fondaĵo por stimulado

de internaciaj interkomprenilo) havas germanan sidejon, sed internacian agadon: Kvin sesonoj de niaj subtenoj en 1991 fluis al Esperanto-agado en eksterlando, de Brazilo trans Svisio, Pollando ĝis Japanio. 30.000 guldenojn ni investis pasintjare en la Esperanto-kulturon." Per tiuj vortoj la prezidanto de FAME-fondaĵo, Alois Meiners (kn. 506) resumis la jus aperintan jarraporton dum la jarĉefkunveno de la fondintoj.

Ekzemple FAME-fondaĵo disdonis du kulturpremiojn de po 12.500 guldenoj: Unu premiis la Kulturan Centron Esperantistan en La Chaux-de-Fonds kaj la biblioteko CDELI en tiu urbo. En la dua turnuso FAME-fondaĵo post interkonsilado kun ĝia kuratorio premiis dum la UK en Bergen la "eldoniston, kiu redonacis al ni la Zamenhofan heredaĵon" (U. Lins): s-ron Kanzi ITO, pli bone konata sub la pseŭdonimo Ludovikito. Krom la stimula efiko pri la Esperanto-kulturagado FAME-fondaĵo konstatas laŭplane efikon en la publiko: La publiko ne kapablas priĵuĝi la valoron de la Esperanto-kulturagado mem, sed pro la konsiderinda premio-sumo la publiko aŭtomate havas la impreson, ke temas pri serioza kaj grava kulturagado. Tio estas substrekata per la fakto, ke FAME-fondaĵo en tiu kampo kunlaboras kun la urbo Aalen, kiu estas konata en Esperantujo kiel la sidejo de granda Germana Esperanto-Biblioteko kun pli ol 10.000 titoloj.

Alia novaĵo por la gekongresanoj estas la rotacio inter la kuratorianoj: Laŭ la antaŭvidata turnuso eksiĝis s-roj Guenter Becker, Heinz Bleicher, Bernhard Eichkorn, Franz Och kaj d-ro Wolfgang Schwanzer. FAME dankis al ĉiu unuopa pro lia akompano en la fondo-fazo kun valoraj konsiloj kaj proponoj. Kiel posteulojn FAME-fondaĵo bonvenigis en la kuratorio d-ron Detlev Blanke, d-ron Werner Bormann, d-ron Alfred Geisel (vicprezidanto de baden-virtemberga parlamento) kaj d-ron Michael Vorbeck (sekciestro en la Konsilio de Eŭuropo en Strasburgo).

La financa evoluo de FAME-fondaĵo estis denove kontentiga. En rondigitaj sumoj: 40.000 guldenojn FAME-fondaĵo investis dum 1991 en Esperanto-agadon. Samtempe FAME enspezis el havaĵo kaj donacoj 30.000 guldenojn. La suma havaĵo momente valoras 350.000 guldenojn. Alois Meiners: "Specife ni dankas al la kvin novaj aldonaj fondintoj, kiuj per donaco de minimume 1.000 guldenoj pruvis grandan fidon al nia fondaĵo. Pri la perspektivoj mi mencias *Esperantan scienco-premion* en kunlaboro kun publika instanco, ekzemple ministerio pri scienco, laŭ la sukcesa modelo kun la urbo Aalen."

Rainer Heckhausen (kn. 327)

## ĴAŬDON POSTTAGMEZE OKAZOS LA JENAJ DISKUTRONDOJ

**Kadre de la kongresa temo:**

1. *Kiel ŝanĝiĝas la pozicio de virinoj en Eŭropo* - gvidos Ans Bakker-Ten Hagen. Salono Jonas, Ĵaŭdo, 14h.00 - 15h.15.
2. *Ksenofobio en Eŭropo kaj esperantistoj* - gvidos Elisabeth Schwarzer. Salono Jonas, ĵaŭdo, 15h.15 - 16h.30.
3. *La nuna situacio de eŭropa komunumo kaj ĝia lingvoproblemo* - gvidos Grégoire Maertens. Salono Steiner, ĵaŭdo, 14h.00 - 15h.15.
4. *Eŭropaj terminoj* - laborgrupo. Gvidos Ian Jackson. Salono Steiner, ĵaŭdo, 15h.15 - 16h.30

## LA REDAKTORO RESPONDAS

Tre ofte ni ricevas por la "*Kuriero*" informojn pri movadaj aferoj, kiuj ne estas ligitaj kun la 77-a UK. Ni konservas la tekstojn kaj pludonos ilin al la redaktoro de la revuo "Esperanto", kie laŭ lia bontrovo eventuale ili trovos sian lokon. Nun ni donas prioritaton al la kongresaj informoj kaj al kelkaj aliaj, kiuj rekte ligiĝas kun la kongresa temo aŭ havas tutmovadan signifon (ekz. la Jarlibro). Ni ne akceptas reklamojn de varoj. Utiligu tiucele la revuon "Esperanto" kaj aliajn E-gazetojn. En estonteco oni eble devus prikonsideri aperigon de pagataj anoncoj pri varoj, servoj, turismaj aferoj ktp. en la venontaj kongresaj kurieroj, sed ankoraŭ ne ĉi-jare.

Presejo: Wolfgang Buchholzer Ges.m.b.H.
1100 Wien, Erlachgasse 98, Tel. 604 23 25



# DANUBA KURIERO

5

77a Universala Kongreso de Esperanto
Aŭstria Centro Vieno
25a de julio — 1a de aŭgusto 1992



Respondeca redaktoro: Andreo Pettyn

Vieno, la 30-an de julio 1992


## LA 27-a INFANA KONGRESETO EN LA URBO MELK

Pri la Kongreseto ni interparolas kun s-ino Katinjo Feteš-Tusegi (Aŭstrio), kiu respondecas pri ĝi kune kun Chr. Fettes (Irlando).

– Venis 36 infanoj el 15 landoj, i.a. el Hungario, Usono, Belgio, Francio, Nederlando, sed plej multe el Pollando. Inter ili troviĝas eĉ denaskaj esperantistoj, kvankam ne mankas komencantoj, kiuj tamen tute bone sukcesas en la interkomprenigado kun siaj diverslandaj samaĝuloj. Oni povas diri, ke la lingva nivelo estas ĉi-foje tute bona.

– La programon de la Kongreseto konsistigas tipa interna amuzigado, ludoj, ekskursoj, diversaj vizitoj kaj renkontiĝoj, i.a. okazos renkontiĝo kun la bulgara kantgrupo "Steletoj".

– Kompreneble, la gepatroj povas viziti la Kongreseton, sed oni ne antaŭvidas ian komunan viziton por ĉiuj kongresanoj pro la fakto, ke la ejo de la Kongreseto troviĝas en urbeto situanta 100 km for de Vieno. Tamen unu el la tuttagaj ekskursoj trapasos Melk kaj provos renkontiĝi kun infanoj. La Grandan Kongreson vizitos 5-persona delegacio de infanoj por partopreni en E-leciono kadre de la Lerneja Tago en UK (Vieno).

– Estas interese, ke la junaj partoprenantoj de la kongreseto planas projekti kaj desegni aŭ pentri postkarton, kiun oni vendos vendrede kaj sabate en la kongresejo en Vieno por tiamaniere kolekti monon por sekvontaj kongresetoj. La fina rezulto dependos de la aĉetemo de la kongresanoj.

– La organizantoj petas la gepatrojn, ke ili mem prenu la infanojn el Melk, ĉar oni ne povas reporti ilin per iu speciala aŭtobuso al Vieno. La gepatroj povas fari tion per trajno aŭ privataj aŭtomobiloj. (AN PE)

## TASKODISDIVIDO DE LA ESTRARO

La nova estraro de UEA kunsidis unuafoje merde por distribui inter si respondecojn pri diversaj agadkampoj de la Asocio. Prezidanto J. Wells okupiĝos pri kunordigado kaj reprezentado, I. Jackson respondecas, aldone al la kutimaj taskoj de generala sekretario, ankaŭ pri strategia planado. Vicprezidanto U. Lins transprenis la landan kaj regionan agadon, dum pri la azia agado plu respondecas So Gilsu. El la novaj estraranoj M. Fettes okupiĝos pri informado, eksteraj rilatoj kaj CED; H. Bakker pri financo kaj M. Lipari pri kongresoj kaj kulturo.

## AŬKCIO: SPEKTAKLO POR ĈIUJ

En la lastaj jaroj unu el la plej popularaj eroj de la kongresa programo estis la aŭkcio. Ĉi-jare la profito iros al la Fondaĵo Ameriko de UEA, kies celo estas subteni E-agadon en centra kaj suda Ameriko. La aŭkcio okazos vendrede de la 17h00 ĝis la 18h30 en la salono Waringhien. Aŭkciota estos pli ol 70 libroj, gazetoj ktp., eĉ la tuta fasko de bondeziraj kartoj, kiujn la Centra Oficejo ricevis lastjare okaze de Kristnasko kaj Novjaro. Aparte menciindas kelkaj unike veraj raraĵoj, kiel ekzemple leteroj de la fama lingvisto Couturat.

## INTERNACIA ARTA VESPERO

Tiuj personoj kiuj satus prezenti dum la Internacia Arta Vespero kantojn, deklamaĵojn kaj aliajn taŭgajn programerojn, bonvolu veni vendrede je la 17h00 al salono Zamenhof por provludoj kaj prijuĝo.

## POROKAZA POŜTSTAMPO KONGRESA

La kongreseja poŝtoficejo stampas ĉiujn forirantajn korespondaĵojn per porokaza stampo kun E-teksto. La projekton prizorgis la Loka Asista Komitato, kunlabore kun la internacia E-Muzeo - Vieno. Oni kaptu la okazon por ĝojigi siajn filatelistajn geamikojn kaj akiri interesan filatelan memoraĵon por sia propra kolekto.

## RADIO-REZOLUCIO

Reprezentantoj de diversaj radio-stacioj utiligantaj Esperanton kaj aŭskultantoj de tiuj stacioj, kunsidantaj dum la 77-a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno (24 julio - 1a aŭgusto)

– diskutinte la aktualan situacion de la esperanto-programoj kadre de kurtondaj radiostacioj;

– konstatinte, ke pluraj radiostacioj, precipe Pola Radio (Varsovio), Svisa Radio Internacia (Berno), Radio Zagrebo (Kroatio) draste reduktis aŭ eĉ ĉesigis sian Esperanto-programon;

– forte bedaŭras la decidon de la estraroj de la supre menciitaj radiostacioj;

– opinias, ke Esperanto-elsendoj daŭre estas alloga kaj grava rimedo por la internacia komunikado, precipe en la nuntempo, kiam oni alstrebas la kreon de nova internacia ordo;

– estas konvinkitaj, ke Esperanto estas vaste ŝatata lingvo por informi la internacian publikon pri la eventoj en la koncernaj landoj;

– emfazas la fakton, ke ĉefe en orienta Eŭropo daŭre estas forta deziro ricevi objektivan informadon el aliaj mondopartoj, kiun garantias la Esperanto-lingvo;

– petas la supre menciitajn radiostaciojn revizii sian decidon kaj reenkonduki Esperanton.

– rekomendas al nove sendependiĝintaj ŝtatoj utiligi Esperanton pere de la propraj radiostacioj.

## AŬSKULTANTOJ DE RADIO VIENO

renkontiĝis lunde sub la gvido de s-ro Vokal por pridiskuti la nunan kaj estontan kunlaboradon. Partoprenis ĉ. 8 personoj, multaj el ili substrekis la gravan rolon de la E-elsendoj de Radio Vieno en la informado pri Aŭstrio. Preskaŭ ĉiuj promesis sendi post la reveno hejmen siajn impresojn pri la kongreso kaj pri Vieno laŭ la adreso: *Viena Radio, Esperanto-Fako, 1136 Wien.* Post la kunveno oni distribuis donacetojn de Radio Vieno al kongresanoj.

### Pola Radio:

## DUFOJE TAGE PRI LA KONGRESO

Jam de la antaŭkongresa vendredo Pola Radio aŭdigas la raportojn de A. Pettyn pri la UK du fojojn tage (proksimume 15–20 min.). Post la finiĝo de la kongreso vi povos sekvi serion de la raportoj kaj intervjuoj faritaj en Vieno, ĉefe semajnfine je la 15h30 kaj 22h30 laŭ la somera mezeŭropa tempo per mallongaj ondoj 41 m, 49 m, meza 200 m (1503 kHz) kaj krome je la 15h30 per 31 m (9525 kHz). Kadre de la lundaj *Koncertoj kun bondeziroj* vi trovos salutojn de la kongresanoj al diverslandaj E-amikoj kun akompano de E-kanzonoj. Pli da detaloj kune kun la prikongresa raporto vi povos senpage ricevi de: *Pola Radio, Esperanto, 00-950 Varsovio, Box 46, Pollando.*

### Novaĵoj pri FAME-fondaĵo:

## Esperanto-scienco-premio konceptata

FAME-fondaĵo pripensas ellabori koncepton por Esperanto-scienco premio en kunlaboro kun ministerio pri scienco kaj esplorado. Celo de tiu scienco-premio estos stimuli sciencan verkadon pri Esperanto kaj pri temoj, kiuj estas interesaj por la celoj de la Esperanto-movado, do ekzemple komunikado-problemoj en la mondo. La ideo de kunlaboro kun publika instanco sekvas la sukcesan modelon de kunlaboro pri la prestiĝa Esperanto-kulturpremio: La kunlaboro de urbo aŭ ministerio signifas nerektan agnoskon de Esperanto laŭ la modelo "Ni donas la monon kaj vi la reputacion." Per tiuj vortoj la prezidanto de FAME-fondaĵo, Alois Meiners, komentis la ĉefan rezulton de la jus okazinta jarĉefkunveno de la fondintoj, kiun partoprenis pli ol 50 gastoj.

Alia novaĵo: s-ro Renato Corsetti fariĝis kuratoriano de FAME-fondaĵo, por servi al la fondaĵo-celoj per siaj vastaj kulturaj kaj movadaj konoj. El la publiko venis multaj bonaj sugestoj por la estonta agado de FAME-fondaĵo, kio pruvis al la aktivuloj, ke la ideo de memstara kaj kunlaborema fondaĵo pli kaj pli furoras. Adreso: FAME-fondaĵo, c/o Meiners, Im Asemwald 62/9, W-7000 Stuttgart 70.

## MESAĜO DE SLOVENIA ESPERANTO-LIGO. SLO-61000 Ljubljana, Novi trg 6

Okaze de akcepto de Slovenia Esperanto Ligo inter la egalrajtaj LA de UEA, ni esprimas nian ĝojon kaj dankon.

Precipe ni dankas ĉiujn kunlaborantojn kaj subtenantojn de Slovenio kaj ekster Slovenio, en la E-movado kaj ekster la E-movado, kiuj kontribuis al sendependeco kaj memstareco de nia ŝtato. Ni estas certaj, ke ni en la tutmonda E-movado same kiel dum multaj jardekoj aŭ laŭeble eĉ pli multe kontribuos al la celoj de kunlaboro kaj paco pere de IL Esperanto. Tiuokaze ni volas aparte danki IKEL kaj ĝian prezidanton U. J. Moritz, kiu per konkretaj kaj ĝustatempaj agoj tre elstarigis celojn de E-movado. Prezidanto de SLEL: Janez Zadravec

## ALVOKO AL E-GAZETARO KAJ E-ORGANIZAĴOJ

Reprezentantoj de radiostacioj utiligantaj E-on kaj aŭskultantoj de ĉi tiuj stacioj el diversaj landoj kunvenintaj dum la 77-a UK en Vieno, substrekante la gravecon de rapida informado per radio-elsendoj pri landaj kaj movadaj okazaĵoj kaj ankaŭ pri E-movadaj temoj, konsiderante la rolon de radio-elsendoj en lingvo-klerigo kaj evoluigado de parola kulturo, alvokas la e-istajn organizaĵojn kaj la E-gazetaron doni pli da atento al la populariĝado de radio-elsendoj de diversaj stacioj per regula informado pri ili en E-kursoj, kluboj kaj konferencoj. La redaktoroj kaj aŭskultantoj kunvenintaj en Vieno esprimas la konvinkon, ke pli intensa kunlaborado de E-organizoj kaj redakcioj de E-elsendoj povas pli efike kontribui al la antaŭenigo de la praktika realigado de la celoj de internaciaj fakaj kaj landaj organizaĵoj, kaj tutkore invitas al tia kunlaboro en la komuna intereso de la E-movado.

## LA TAGO DE LA LERNEJO

Kun preskaŭ 20 gelernantoj kaj ĉirkaŭ 200 instruistoj, kursgvidantoj kaj aliaj interesuloj disvolviĝis la tago de la lernejo, kies celo estas duobla: unuflanke informi la ĉeestantojn pri faka kaj organiza agado surkampe de E-instruado, aliflanke, per lecion-fragmentoj stimuli la metodikan diskuton kaj spertintersanĝon.

Ĉi-foje ges-roj Rössler (D) prezentis lecionon pri muziko (kantado kaj ritmo), inkl. instruadon de bone tradukita, lamprozodia teksto, krome SMG Stefan MacGill aktivigis du teamojn da geknaboj per geografia kvizo. La lernantoj estis grupo de hungaraj gelernantoj, diversnaciagrupeto el la IK kaj du francaj gefratoj.

Okazis omaĝo al Komenio prezentata de Zs. Barcsay kaj M. Bacev.

La prezidanto konsciigis pri la bezono de sufiĉnombraj kaj bonkvalifikitaj kursgvidantoj krome proponis ekzamene, kursojn kaj kursmaterialon, helpilojn. Prof-ro Glossop, vicprezidanto de ILEI parolis pro la iniciato "Infanoj ĉirkaŭ la mondo kaj mondo-rondo".

Gravan alvokon faris s-ro Bachrich pri efektiviĝota televida lingvokurso de Esperanto. Komenca monrimedo jam ekzistas per donacoj de kelkaj personoj. Jen estas defio al ILEI kompili modernan, efikan materialon kaj al profesia reĝisoro surscenigi ĝin.

La partoprenantoj montris intereson kaj entuziasme alparolis pluraj al la diversaj temoj.

## KUNVENO DE ILEI

Konciza informado estis la kerno de la kunveno de ILEI, kun ĉ. 50 partoprenantoj. La estraranoj resumis la faritajn kaj farotajn laborojn kaj la aktualajn problemojn sur la propra agadtereno. Oni temis pri landaj sekcioj (ĝojige novaj kaj bedaŭrinde ĉesintaj), pri planado, pri la agado de diversaj laborkomisionoj (terminologia, prikonkursa k.s.).

Aparta ĉapitro estis la raporto de la kasisto. Li konsciigis pri pagoj kaj transpagaj problemoj, respondis afable, alvokis je pliriĉigo de la koleghelpa kaso kaj de la fondaĵo Szerdahelyi. Temis ankaŭ pri la neceso je "centra oficejo", pri instruado kaj trejnado de instruistoj, ekzamenoj, fakaj arangoj, la 26-a konferenco de ILEI kaj gia gimnazio en Bratislavo. Pri la venontjara kongresa temo, eksteraj rilatoj", aldonaĵoj kaj rezoluci-proponoj al UEA.

## REKORDA DEZIRO POR EKZAMENOJ

ILEI farigis viktimo de propra sukceso rilate la ekzamenojn de UEA-ILEI. Prezentiĝis trideko da kandidatoj, duoble superinte la atendatan nombron. Sekve transiros de Rumanio al Aŭstrio la rekordo pri la plej granda sesio. Kiu sukcesos en plenumita antaŭteste pluiros al skriba ekzameno ĵaŭde kaj al parola vendrede. Se ILEI ariĝos armeon da kontrolantoj egala al la taĉmento da kandidatoj, rezultoj anonciĝos en la Internacia Vespero vendrede.

## DIVERSAJ KUNVENOJ

*** **Matematikistoj.** Marde okazis kunsido de IAdEM (Internacia Asocio de Esperantistaj Matematikistoj). En la Kafe Kammerspiele estis elektita la nova komitato: Horst HOLDGRÜN (prezidanto), Petko ARNAUDOV (viz-prezidanto), François LO JACOMO (kasisto), Alfred HEILIGENBRUNNER (sekretario), Gerard COOL kaj Tatjana ENĈEVA. Akceptis redaktadon de nova numero de "Matematiko Translimen" Christer O. KISELMAN.

*** **Kooperativanoj.** Okazis dimanĉe la tradicia dum-UK-a Kooperativa E-Konferenco partoprenata de 55 reprezentantoj el 17 landoj. La kooperativaj esperantistoj festis la 5an datrevenon de la ekesto de sia Internacia Kooperativa E-Organizo. Post la seniluziigo spertebla en la pasintaj jaroj, oni denove aŭdis promesplenajn planojn kaj entuziasmajn voĉojn en enorma kvanto da alparoloj. La centra gazeto "Kooperativa Stelo" estas akirebla por ĉiuj interesigantaj kongresanoj (H-5601 Budapesto, Pf. 191).

*** **MEM.** Dum la kunsido de Mondpaca E-Movado (MEM) oni priparolis la aktualan situacion de MEM kiel ankaŭ la situacion de la naciaj pacmovadoj. Prijuĝis la demandon pri la senco de paclaboro en la nuntempa situacio. Diskutoj estis tre viglaj, i.a. pri eduko de infanoj al paca kunvivo pere de gepatroj kaj lernejoj.

*** **Akademio Comenius** arangis kunvenon en Salono Privat la 26an de Julio 1992. Ĉeestis 19 personoj. La generala sekretario de la Akademio, Christer Kiselman, rakontis pri la Akademio kaj prezentis la jus aperintan volumon de la Aktoj de la Akademio. La libro "Aktoj de Akademio Comenius" enhavas 15 artikolojn pri diversaj temoj kaj estas aĉetebla en la libroservo. Ĝin donace presis la Ĉina E-Eldonejo.

*** **Oomoto.** Kiel kutime, salono, kie kunvenis oomotanoj, estis plenŝtopita de ĉeestantoj. En sia prelego prezidanto de Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto, s-ro Kyotaro Deguch, tuŝis precipe la kongresan ĉeftemon. Sekvis prelego de s-ino Sumi Yukawa, la vidvino de la unua japana Nobel-premiito d-ro Hideki Yukawa (esperantisto kaj amiko de Albert Einstein). Interalie ŝi esprimis deziron, ke pacaj konstitucioj, similaj al la japana, estu akceptataj ankaŭ en aliaj landoj. Estis prezentita E-lingva filmo "Centjara jubileo de Oomoto kaj Esperanto." La ĉeestantoj ĝuis prezenton de ikeban-arto kaj de te-ceremonio. La kunvenon majstre gvidis Yosimi Umeda kaj sekretario de EPA, s-ro Agoo.

*** **Filatelistoj.** Post la bonvenigo de la prezidanto Ivar Paulsson oni honorigis la lasttempe mortintajn du membrojn de Elf-Arek: Alojz Wenclewski el Pollando kaj Dick Goslinga el Nederlando per unuminuta silento. Sekvis la financa raporto, informoj pri novaj eldonaĵoj de E-poŝtstampoj, katalogo, glumarkoj kaj la revuo "La verda lupeo". Kvankam la aŭstra poŝto ne eldonis ĉi-foje specialan poŝtmarkon okaze de la kongreso, oni tamen estas kontentaj ke ĉiutage oni povas stampi poŝtsendaĵojn per kongresa poŝtstampo (kiu mankis ekz. en Bergeno). Oni laŭdis la bone funkciantan poŝtoficejon en la kongresejo. Oni reelektis la prezidanton, kiu fariĝis Ivar Paulsson el Svedio. Poste okazis intersanĝo de diversaj E-aĵoj (poŝtmarkoj, glumarkoj, filatela literaturo ktp). Notindas, ke rumana poŝto, okaze de la kongreso, uzas porokazan E-poŝtstampon. (Lech Kosieniak)

*** **Veterana E-Klubo** kunsidis en la ĉeesto de dudek personoj el 11 landoj. Oni decidis ke ekde nun estu nur sekretario. La 14-an de aprilo oni proklamis **MEMORTAGO PRI FORPASINTAJ ESPERANTISTOJ.**

*** **La kunveno pri kongresoj** diskutis, ĉu la UK-oj restu ĉiam la samaj aŭ ŝanĝitaj. Preskaŭ ĉiuj esprimis la opinion, ke: 1) oni decidu definitive almenaŭ kvar jarojn pli frue pri la kongresloko; 2) oni donu pli da povo al LKK-oj enlande.

*** **Fervojistoj.** Marde la 28-an de julio okazis kunveno de fervojistoj (82 personoj el 15 landoj). Gvidis ĝin la vicprezidanto de IFEF, s-ro Istvan Gulyas el Hungario. Li parolis pri la 44-a IFEF-kongreso okazinta en majo ĉi-jare en Münster (Germanio) kun 352 gekongresanoj el 22 landoj. Sekvis tri fakprelegoj, post kiuj sekvis viglaj diskutoj; ili finiĝis per speciala substreko de parjimulara strategio. Tagmeze plena speciala buso veturis al la centra manovra stacio "Wien-Kledering" por konatiĝi kun ĝiaj instalaĵoj kaj laبororganizado. La ĉeestantaro alte taksis kaj laŭdis la valoran organizan laboron de la aŭstraj esperantistoj fervojistoj ankaŭ en nia 77-a.

*** **La Transnacia Radikala Partio** prezentis proponon al Eŭropa Komunumo pri Esperanto kaj havas esperanton kaj la lingvan problemon inter siaj plej prioritataj celoj. La interesigantoj renkontiĝos jaŭde je la 12h30 en la saloneto antaŭ la salono Hodler.

*** **Verduloj.** Lundon postagmeze okazis kunveno de verduloj. Oni diskutis diskutis pri la demando, kiamaniere verduloj-esperantistoj organizigu. Kvankam amasaj kongresoj kiaj UK evidente ne taŭgas por arangi laborkunvenojn por verduloj, oni opiniis tamen utila organizi informkunvenon por verduloj esperantistaj en estontaj UK-oj. Pli da aktivaĵoj en venontaj jaroj krom la eldonado de "Verdire" (provnumeroj en la stando de "Monato") estos eblaj ekologiaj labortendaroj kaj ekologiaj agadoj kadre de internaciaj renkontiĝoj.

*** **La Internacia Ĥoro** sub la gvido de sia estro Dimitar Terziev, komencis ekzercadon por la arta vespero okazonta vendrede. Al la horo aliĝis 50 gekongresanoj el 21 landoj.

*** **Samseksemuloj.** Post la salutmesaĝo de prof. Wells, kiu ne povis ĉeesti, venis enkonduko de D-ro Helmut Brath. Li prelegis pri psikologia reago al samseksemo kaj pri la nuna pli bona kompreno, menciante la forigon de samseksemo kiel "malsano" laŭ la listo de W.H.O. Peter Danning skizis la sangojn de la preskaŭ universalaj antaŭjuĝoj de antaŭaj jardekoj ĝis nun, kiam la pli ofta malkaŝiĝo de gejoj konvinkas pli multe konstati, ke lesboj kaj gejoj estas same variaj kiel esperantistoj. Estis anoncite, ke dum la semajno, "Homosexuelle Initiative Wien" akceptos LSE-anojn en sia ejo, kie LSE prezentos la valoron de Esperanto en ĉiu internacia kontakto. (KN 200).

*** **IKEF.** La Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo havis sian laŭstatutan jaran kunvenon antaŭ plenplena salono. El la realiĝoj de la pasinta jaro menciindas la esperantiĝo de la terminaro "Economie, Finance, Monnaie" de la Eŭropa Komunumo kaj kunlaboro al la ĉiuа semajno en Oostende (Belgio)! F. J. Braun estis reelektite kiel prezidanto.

*** **ASISTI.** Okazis diskuto pri la agadkampoj de ASISTI: eldono de la interreligia foruma bulteno "Asistilo", eldono de religia antologio, reprezentiĝo en la eksteresperantia interreligia medio kaj la IRKE (Interreligia Kunveno Esperantista).

*** **MEL.** Okazis fakkunsido de la Muzikista E-Ligo, kies prezidanto Dimitar Terziev raportis pri lastatempe aperintaj, disponeblaj partituroj, fakterminaro kaj historio de la asocio kaj de la plej famaj komponistoj kaj muzikistoj, kiuj kontribuis al la populariĝo de Esperanto en muzikistaj medioj.

*** **ENA.** E-Naturkuracista Asocio prezentis sin en la nuna UK. Kunsidis 155 membroj kaj interesuloj. La arangon gvidis D-ro Puramo Chong el Korea Resp. kaj s-ro Schweizer, naturkuracisto el Germanio. ENA estis fondita en 1986 kaj nombras nun 85 individuajn membrojn el 35 landoj. La asocio celas interligi fakulojn kaj interesulojn pri naturkuracado, kiu inkludas plurdekon da diversaj alternativaj kaj tradiciaj kuracmetodoj. Dum la kunveno apartan atenton oni dediĉis al la revuo "Naturkuracado", aperanta trifoje jare.

*** **Amikaro Bruno Gröning** informos vendrede je la 10h30 pri la malmulte konata maniero sanigi per spiritaj fortoj laŭ la doktrino de Gröning (1906-1959). Li estis la plej grava spirita saniganto en Germanio dum la 50-aj jaroj. Kelkaj amikoj raportos pri siaj si-koncernaj spertoj. La ĉefgasto estos s-ino Grete Häusler (70-jara), kiu gvidas la tutan amikaron, kies E-sekcio nun havas 50 amikojn. Kiam s-ino Häusler persone renkontis Gröning en la 50-aj jaroj, ŝi spontane saniĝis de tri onidire nekuraceblaj malsanoj. Dum la prelego vi tuj havos la eblecon senti la sanigajn fortojn, kiujn vi poste povos akcepti hejme. (Detlev Maier)

## VENU AL AZIAJ KUNVENOJ

1a KUNSIDO: jaŭde 10:30 - 12:30 (Privat);
2a KUNSIDO: jaŭde 16:15 - 18:15 (Hodler).

Ĉiuspecaj kontribuaĵoj de kongresanoj estas bonvenaj.

## BONVOLU ĜUSTIGI

En la raporto pri la Aŭstria Vespero oni skribis erare nomon, kiu devus esti **NIKOLAO HOVORKA**. Ni pardonpetas en la nomo de nia raportistino.

## KATALUNAJ KONGRESANOJ MIRAS

ke dum la inaŭguro la hispana ambasadoro ne menciis pri la fakto, ke unu el la UK-oj okazis en Barcelono (1909): "Ĉu la Ambasadora Moŝto opinias, ke Barcelono ne estas parto de Hispanio?" demandas la katalunoj en sia letero al la *Kuriero*.

***La "Kuriero" respondas.*** *Ni ne sukcesis atingi la ambasadoron por informiĝi ĉu li konscie aŭ senkonscie preterlasis la menciitan fakton. Certe pri foraj epokoj oni facile forgesas, aŭ oni ne scias, se oni ne estas esperantisto. Do ni opinias, ke en estonteco esperantistoj mem devas pli bone kaj detale informi diplomatojn kun kiuj okazas kontaktoj ni.*

## PARDONPETO DE LA REDAKTORO

La Loka Asista Komitato bonege preparis ĉion por la produktado de la *Kuriero*, sed evidentiĝis, ke la "malico de senkorpaj maŝinoj" malhelpis nin. Nur marde ni sukcesis funkciigi la printilon. Tial en kelkaj antaŭaj n-roj estis malplenaj lokoj aŭ permane aldonitaj supersignoj. Nun ĉio estas en ordo. Vi ricevos krome n-ron 6 , kiun oni distribuos sabate antaŭ aŭ tuj post la fermo. Serĉu ĝin en la kongresa informejo aŭ libroservo. La lastmomente aliĝintaj kongresanoj trovos siajn nomojn kune kun la kongresnumeroj en la 6-a numero en iom malongigita formo, sen plenaj adresoj, ĉar ni ne plu havas kompostiston, kiu povus deĉifri la mane skribitajn aliĝilojn. Se aperos eraroj en viaj nomoj, ni pardonpetas; sed ĉio kreiĝas en hasto.

---

Presejo: Wolfgang Buchholzer Ges.m.b.H.
1100 Wien, Erlachgasse 98, Tel. 604 23 25



# DANUBA KURIERO

6

77a Universala Kongreso de Esperanto
Aŭstria Centro Vieno
25a de julio — 1a de aŭgusto 1992



Respondeca redaktoro: Andreo Pettyn

Vieno, la 1-an de aŭgusto 1992

## TEC-konferenco

La konferenco de la Terminologia Esperanto-Centro sub titolo "Vieno - ĉefurbo de la terminologio la heredaĵo de Eugen Wüster kaj ni" okazis marde, la 28-an de julio, en du partoj. La unuan - teorian parton gvidis d-ro Werner Bormann. Estis prezentitaj la jenaj prelegoj: 1. "Internacia kunlaboro en la terminologia planado" de d-ro Gerhard Budin, kunlaboranto de Infoterm, Generala sekretario de la Instituto pri terminologia esplorado, lektoro pri sciencolingvo kaj fakterminologio ĉe la Universitato en Vieno; 2. "Eugen Wüster kiel terminologo kaj esperantologo" de d-ro Edmond Brent, lingvisto kaj terminologo ĉe "Office de la langue française" en Kebekio, Kanado; 3. "Individua kaj kolektiva laboroj pri terminaroj" de inĝeniero Jan Werner el Brno, ĈS, fakvortisto, terminologo; 4. "Lexicon silvestre" forstscienca vortaro kun Esperanto kiel difina lingvo kaj ekvivalentoj en 20 lingvoj, de d-ro Karl-Hermann Simon, Eberswalde, Germanio. Post ĉiu prelego sekvis viglaj diskutoj. Denove evidentiĝis la bezono de internacia terminologia kunlaboro, ci-foje eĉ emfazite el ekster nia movado.
Posttagmeze de la 14 h ĝis la 17 h okazis la dua - praktika parto de la konferenco, traktanta la problemaron de la ĉiutaga per-komputila terminologia laboro. La gvidanto de tiu parto de la konferenco, Ing. Jan Pospíšil parolis pri la metodo uzata ĉe la terminologia laboro, prezentis la novan TEC-oficejon en Kladno (ĉe Prago) kaj la unuajn enkomputiligitajn terminar-projektojn. Li respondis al multaj demandoj pri la tekniko kaj la malfacilaĵoj. Eksdeligitaj en la tagordo estis s-ro R. Richholz, kiu dum 20 min. prezentis sian sistemon "Pekoteko" kaj respondis koncernajn demandojn. La unuan parton ĉeestis multe pli ol la listigitaj 50 personoj, por la dua salono Wüster montriĝis eĉ ne sufiĉe granda.

## Ĉu etnismo kontraŭ esperantismo?

Proksimume 50 gekongresanoj, dum la unua kunsido de la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL) aŭskultis kaj vigle diskutis prelegon pri "Etnismo, naciismo kaj ŝovinismo, esperantismo kaj kosmopolitikismo". Evidentiĝis, ke kelkaj personoj, nekompreno pri tio ke konscio pri etna identeco neniel signifas naciismon aŭ kontraŭstaron al mondcivitaneco. Simile, jam en la unua kongresema kunsido IKEL klarigas la absolutan diferencon inter naciismo (ofte egala al hegemoniismo de ŝtatoj kaj etnismo (klodante por emancipiĝo de ĉiu etno). IKEL ankaŭ akuzis la reale ekzistantajn federaciajn ŝtatojn pro neprotektado de etnaj minoritatoj.
En la dua IKEL kunsido (pli ol 30 ĉeestantoj), Vinko Ošlak skizis la aktualan situacion de slovenoj, kroatoj, ĉeĥoj, madjaroj, judoj kaj romaoj (malnovlingve: ciganoj) en Aŭstrio. Li apelaciis al tiu ĉi ŝtato finfine agnoski ke la ĉi-jara kongreslando estas plurlingva kaj plurettna. IKEL havas siajn trian kaj kvaran (t. a. pri eksa Jugoslavio) kunsidojn ĵaŭdon kaj vendredon.

Uwe Joachim Moritz

## Novaj libroj en la Libroservo!

Dum la kongresdaŭro oni liveris al la Libroservo pli ol 100 titolojn de plej novaj E-libroj i.a. el Rusio. Venis la dua volumo de la pli kaj pli ŝatata lernolibro de S. MacGill kaj rekte el preseja la plej nova internacia paroliga ekzercaro de A. Pettyn "Esperanto en epizodoj" aperigita de la firmo Mondoservo. Krome en la bazaro oni povas trovi kelkajn librajn raraĵojn, kiu speciale gravas por kolektantoj. Ne kunportu hejmen ŝilingoj, bone uzu ilin en la libroservo aŭ ĉe la TEJO-budo, kie vi povas fariĝi patrono de TEJO, ne onc de patro, sed vera patro. Cetere ĉe la giĉeto KASO oni povas donaci monon por diversaj fondaĵoj de UEA, per kies mono oni financas valorajn, subtenindajn iniciatojn.

## Dolĉa donaco por infanoj!

Firmao Manner, fama fabriko de dolĉaj bakaĵoj, speciale gastigos kaj regalos la partoprenantojn de la infana kongreseto. La fabriko invitis la infanojn partopreni trarrigan veturadon per antikva tramo. **Manner estas firmao, kiun oni nepre ŝatas!**

## Impresoplenaj ekskursoj

Laŭ la opinioj de multaj kongresanoj tre sukcesaj estis la tuttagaj ekskursoj. Bone funkciis la kunlaboro de ĉiĉeronoj kaj c lataj gvidantoj interpretistoj. Mi mem povis sekvi la klarigojn de s-roj Attila Kaszas kaj Cool Gerad, kiuj ne nur interpretis la germanlingvajn gvidantojn, sed ankaŭ mem laŭbezone aldonis tion kaj tion. Tapio Sormunen (Finnlando) kaj kelkaj aliaj tre laŭdis la programon, servadon kaj manĝojn de T-5 ekskursoj al Aŭstriaj Alpoj.

## AŬSTRA TELEVIDO ĈE LA INFANOJ

Kiel ni eksciis, la aŭstra televido "Mini-ZIB" (speciala televida ĵurnalo por infanoj) vizitis la infanan kongreseton kaj filmis multajn scenojn, i.a. pri komuna kantado, flugigado de kajtoj faritaj de infanoj, krome kelkajn infanojn oni intervjuis. La infanojn intervjuis krome ĵurnalistoj de konataj gazetoj aŭstraj, i.a. de "Kronen Zeitung".

## TEJA-KUNVENO

Marde okazis membrokunveno de TEJA. Kunsidis pli ol kvardek personoj, inter kiuj estis ankaŭ nemembroj de TEJA. Oni akceptis novan statuton, regulamenton, kaj fiksis membrokotizon. En la okazintaj poste estrarelektoj estis elektita la jena estraro: Stefan Maul (prezidanto), Paul P. Gubbins, Evgeni Georgiev, Dinu Fabris, Lech Kosieniak, Davor Grgat, Aleksandr Korĵenkov. Kiel landaj sekcioj estis aprobitaj la pola kaj rusa. Fine oni akceptis laborplanon. Pli da detaloj vi trovos en "Internacia Ĵurnalisto" n-ro 1, kiu aperos aŭtune sub la redakto de Stefan Maul.

## SUKCESA AIS-KUNVENO

Lunda kunveno de AIS (Akademio Internacia de la Sciencoj) San Marino tute plenigis la salonon Baghy. La ĉeestantoj konatiĝis kun la nuna strukturo kaj stato de la Akademio kaj precipe kun ĝiaj novaj projektoj: "Akademi domaro", kiun administras la ĝisnuna kasisto de UEA, G. Maertens; "Internacia Eldonejo", al kiu estas invitataj ĉiuj E-istaj eldonistoj kaj entreprenistoj: "Propedeŭtika instruado de la Internacia Lingvo" k.a. La nova Senata Sekretario P. Chrdle anoncis datojn de la plej proksimaj stud-sesioj, kiuj li organizas: 29.08–06.09 en San Marino, kaj 22–30.09 en Bialistoko kaj Katowice. En la sugestoplena diskuto pritraktiĝis la kunlaboro de AIS kun la Akademio Komenius- kaj kun ISAP, kaj precipe la plano de vasta kunlaboro de okcident- kaj orient-eŭropaj universitatoj, por kiu estas serĉataj novaj partneroj en la projekto "Tempus". (O. Berandovska)

## PUBLIKA KUNVENO DE LA AKADEMIO

La kongresanoj povis renkontiĝi kun dekunu akademianoj, kiuj sub la gvido de d-ro W. Bormann kaj J. Thierry, respondis diversajn lingvajn demandojn, sed ankaŭ prezentis la celon de la akademio, kies plej nova verko *"Aktoj de la Akademio III"* estas aĉetebla en la libroservo (kaptu la sancon sabate!). Evidentiĝis el la diskuto, ke la demando de geografiaj nomoj kaj ties esperantigado samkiel tiu de personaj nomoj, plue elvokas dubojn. Laŭ la demandoj de kongresanoj oni povas orientiĝi, ke bedaŭrinde multaj esperantistoj limigas sian konon de la gramatiko al la baza kurso kaj ne studas la disponeblajn gramatik-librojn kaj -vortarojn. Fo la kuridoroj oni aŭdis la opinion, ke la Akademio devus pli ofte interveni kiam oni publikigas librojn kiuj kontraŭas la fundamenton kaj krome oni devus elpensi alian formulon de la publikaj renkontiĝoj dumkongresaj.

## DIVERSAJ KUNVENOJ

*** **Poŝtistoj.** La 23a ĉefkunveno de la Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista E-Asocio (IPTEA) okazis la 28-an de julio sub la prezido de Raymonde Perault el Francio. Partoprenis ĝin 26 personoj el 12 landoj. I.a. oni pridiskutis la demandon de kongresaj poŝtmarkoj. Veikko Mäki-Luopa el Finlando prelegis pri la poŝtkodo de tiu lando. Multaj kongresanoj laŭdis la bonegan funkciadon de la kongresejа poŝtoficejo, kio malofte okazas en UK-oj.

*** **Spiritismo.** Dum la kunveno de Brazila Spiritisma Federacio Ismael Miranda Silva parolis pri la libro "Kio estas spiritismo", verkita de Allan Kardec. La ĉeestantoj ricevis donace ei tiun verkon, kiu estas, onidire, la plej kompleta verko pri filozofio.

*** **Samseksemuloj** el 20 landoj (ĉ. 50 personoj) ĉeestis la jarkunvenon de LSE en Vieno, en la sidejo de loka geja organizaĵo HOSI. Oni raportis pri la kresko de LSG, progreso de homaj/gejaj rajtoj en div. landoj. Pli da informoj Peter Danning, KN 200.

*** **Bahaa E-Ligo** kunvenis ekster la kongresejo en la bahaa aŭstria centro. Post la devota parto la ĝisnuna sekretario Pierre Parini donis raporto pri la lasta jaro. Elstaris novaj atingoj en la eldon-agado, kaj arangado de propraj seminarioj. Oni substrekis grandan interesiĝon pri la filmo de Dobrzynski pri bahaanoj kies videobendoj rapide kaj bone distribuiĝas. Oni elektis por trijara periodo novan estraron, kies prezidanto refoje fariĝis Heinz-Dietter Maas (Germanio).

## AŬSTRIA VESPERO: PARDONPETO

La aŭtoroj de la Aŭstria Nacia Vespero, kune kun la Loka Asista Komitato, petas pardonon de la kongresanoj pro la modesteco de la Nacia Vespero, tiel konstatita de la recenzinto Teresa Nemere en la *Kuriero*. Tamen ni devas korekti la konstaton en sia artikolo, ke temis pri konscia rezigno pri riĉeco. La sola kaŭzo estis la devo ŝparligita al la fakto, ke la Viena Kongreso ne estas normala UK, sed iel simile al la jaro 1967 (transiro de Tel Aviv al Rotterdamo) devis alfronti grandegajn financajn kaj tempajn problemojn.

*Ohne geht ka musi!* – sen mono neniu muziko – tio estas ofte uzata diraĵo viena. LAK tre volonte estus kontentiginta la recenzintinon kaj eble aliajn gekongresanojn per aperigo de imperiestra brilo. Por kelkcentmil ŝilingoj ni facile povintus, sed ne per kelkmil. Refoje ni petas indulgon. *Loka Asista Komitato 77a UK*

## NACIA VESPERO: ĈU VERE MODESTA?

Ni sentas, ke necesas reagi al la recenzo pri la Nacia Vespero kies titolo kaj tono emfazas ĝian *modestecon*. Kontraŭe al tiu opinio multnombraj kongresanoj trovis ĝin ege originala kaj bona, kaj pensas, ke modesteco kaj lukso estas malgustaj vortoj por la priskribo. Dum la vespero oni prezentis al ni tutan Aŭstrion en interesa kaj profesia maniero: ni vidis aŭstrajn pejzaĝojn, aŭstrajn morojn, kostumojn, dancojn, aŭskultis aŭstran muzikon kaj eĉ la esperantlingvan literaturon kaj historion. Ĉu ne guste tio devus esti la celo de la *Internacia Vespero?* En tiu kunteksto oni certe ne povas adjektivi aŭstran vesperon kiel modesta. Sed, ni lernis iom pri la aŭstroj – ke ili estas modestaj homoj. Tiun modestecon ni konsideros virton, kaj dankas al la organizantoj. *S.R.*

## LA KONGRESO DANCAS

Lundon vespere la kongresejo estis centro de dancemuloj, kiuj profitis de la vere verva muzikado de dancorkestro bigbando el Linz sub gvido de Gerhard Lesh. La kongresa balo altigis preskaŭ mil ĉeestantoj, inter kiuj d-ro Zaleski-Zamenhof certe estis unu el la motoroj de la eŭterpa aktivado.

Je la generala bedaŭro la balo jam devis finiĝi noktomeze. Ĉar multaj restis ankoraŭ sufiĉe da forto kaj emo daŭrigi la gemovadon sur la dancejo. Laŭ la opinio de kelkaj balintoj la kvalito de la balvespero estis same alta kiel la prezoj por gastronomiaĵoj... *J.I.*

*P.S. Kuriozaĵo marĝena estis la raporto de samideano, ke li uzis la dancadon por terapiaj celoj efektivigante movojn, kiuj estis rekomenditaj al li de lia kuracisto.*

## INFORMU VIAN LOKAN GAZETON!

En pluraj centoj aŭ miloj da lokaj gazetoj en la tuta mondo povus aperi artikoloj pri UK. Necesas nur, ke partoprenantoj el ĉiuj urboj informu sian lokan gazeton pri la viena kongreso tuj post la reveno hejmen. Pro tio vi ekz. povas sendi al viaj gazetoj verkitan de vi mem artikolon surbaze de la disponebla baza teksto, komenciĝanta jene: *"Forte impresitaj la partoprenantoj de la Universala Kongreso el ... (via urbo) jus revenis el Vieno ...* ktp. Specimenon de modela artikolo, kiun vi nur devos traduki en vian nacian lingvon, vi povas ricevi en la oficejo de la kongresa GAZETARA SERVO. (Ulrich Matthies km 290)

## POROKAZA RAPORTKARTO DE RADIO VIENO

Jus aperis kaj estas disdonata ĉe la enirejo de la kongresa halego speciala raportkarto por sendi raportojn kaj impresojn al la E-a redakcio de Radio Vieno. La raportkarto aperis tre rapide kiel rezulto de sugesto prezentita dum la kunveno de aŭskultantoj. Oni prenu ĝin grandekvante kaj poste grandekvante oni skribu al: *ORF, Esperanto Redakcio, Würzburggasse, A 1136 Vieno, Aŭstrio*. Ne forgesu rakonti al viaj samklubanoj, ke ĉe la menciita adreso ili povas ricevi senpage interesajn E-tekstojn pri vidindaĵoj de Vieno kaj Aŭstrio. Gratulinda iniciato kaj realigo de s-ro Wolfgang Buchholzer, kiu cetere apartenas al la konataj subtenantoj de la uzado de Esperanto en Radio.

## ĜUSTIGO

Bonvolu korekti en via *Kuriero* n-ro 5, ke la renkontiĝon de aŭskultantoj de Radio Vieno partoprenis **88 personoj**.

## LETERO DE KONGRESANINOJ

al la organizinto de la grandioza balo

Akceptu nian plej koran dankon pro la eminenta aranĝo, kun unuaklasa orkestro, kiu ludis tre bonan dancmuzikon. En la salono estis gaja internacia atmosfero. Bele vestitaj partoprenantoj sed: estas domaĝe, ke kelkaj viroj aperis en ŝortoj, kio vere ne estas bal-kostumo. *Astrid (884) kaj Ellen (900)*

## CSEH-KURSO: ATENTON!

Cseh-kurso kaj Cseh-seminario estas aranĝoj aparte pagendaj, do tiuj, kiuj ne pagis aparte ne rajtas partopreni. La organizantoj petas, ke generala publiko ne vizitu cseh-aranĝojn nur por rigardi, ĉar tio ĝenas la studantojn. Eblas pagi partoprenon en unu leciono, ĝi kostas 60 ŝil-ojn kaj pageblas ĉe la enirejo al la salono Winter, sed la kvanto de unufojaj vizitantoj estas limigita. *La organizantoj*

## AKCEPTO POR PATRONOJ DE TEJO

Marde la 28an de julio okazis la tradicia Akcepto por Patronoj de TEJO kun aperitivo. Ĉeestis dudeko da patronoj, interesuloj pri patroneco kaj pluraj TEJO-aktivuloj, inter ili du TEJO-vicprezidantoj Andy Künzli kaj Sanna Stahlberg. Patronoj de TEJO subtenas la agadon de la junulara sekcio de UEA pagante la trioblon de la MJ-T-kotizo. Fariĝu do Patrono de TEJO - tiel vi garantios la estontecon de Esperanto. Pri la kondiĉoj informiĝu ĉe la dumkongresa TEJO-budo aŭ post la UK ĉe la Centra Oficejo de UEA/TEJO en Roterdamo. TEJO antaŭdankas pro via bonvolo. Samtempe ni rememorigas, ke la *TEJO-forumo* okazos vendrede, 17-18 horo. La *Kuriero* petas, ke la E-gazetaro dediĉu aŭtune jam de informoj al la patronado de TEJO, kaj varbu novajn patronojn.

## KION VI OPINIAS PRI LA INSTRUADO

Ne gravas, ĉu vi estas instruisto aŭ ne. ILEI volas scii vian opinion pri instruado. Tion ĝi volas akiri pere de enketilo ricevebla ĉe la ILEI-budo. Jam en Marto ILEI proponis al UEA, ke ĝi registoru pri eduka kongresa temo en 1993, laŭ la demando: **"kiuj lernas Esperanton en la mondo - kiel kaj kial?"** La enketilo disdonata nun kaj dum la sekvontaj monatoj estos sekve analizita antaŭ la UK por provizi konkretan bazon de la diskutoj en Valencio, kiel oni esiente instruu la lingvon kaj kiujn motivojn por lernado ni emfazu. **Kaptu la okazon, kontribuu nun!** Serĉu la enketilon en la halego aŭ post la kongresfermo.

## MONDA TURISMO

La kunvenon gvidis ĝia prezidanto - Andrzej Grzebowski (Pollando), kiu rememorigis, ke MT fondiĝis ĝuste antaŭ 22 jaroj dum la UK en Vieno, kaj unu el ĝiaj fondintoj, Max Finkenzeller, respondecas nun pri la kongresaj ekskursoj. El la raportoj kaj diskuto evidentiĝis, ke al la plej grandaj atingoj de MT apartenas ĝiaj ĉiujaraj Turismaj Foiroj en Bydgoszcz, E-kalendaroj, simpozioj (laste en Malto) kaj nun sukcesaj internaciaj E-kongresoj (Lviv, Vilnius kaj en 1993 - Kiev). La nombro de kunlaborantaj vojaĝoficejoj kreskis ĝis 70 en 30 landoj. Tre bone sukcesis la unua Studumo *pri Turismo* al la dua, kiu komenciĝos en septembro jam aliĝis 45 gejunuloj. Estas substrekinde, ke dum la viena kongreso MT estis akceptita kiel aliĝinta faka asocio de UEA.

## DANKOJ DE LA REDAKTORO

La respondeca redaktoro de la *Kuriero* tutkore dankas ĉiujn kunlaborantojn sen kies kontribuado ĉi tiu gazeto farata per volontula laboro ne povus aperi. Tutspeciale ni dankas al kompostintoj Vinko Ošlak, Francesco Pignatelli, Rainer Heckhausen, kaj al la enpaĝigintoj Evgeni Georgiev kaj Wolfgang Buchholzer. Samtempe oni dankas al ĉiuj bonvolemaj raportantoj entute ĉ. 50 personoj. La materialon vi espereble povos uzi en viaj kluboj - informiloj kaj pri kongresa informado al la ekstera mondo. Sukcesan daŭrigon al valencia Kuriero! La ceteraj raportoj kiuj venis jam post la fermo de la numero, estis transdonitaj al la redaktoro de "Esperanto" por eventuala utiligo. Pardonpeton, ni devis pli frue liveri la lastajn numerojn al la viena presejo.

## 78-A UK EN VALENCIO

Ne forgesu, ke jam funkcias giĉeto de la 78-a UK en Valencio, kie deĵoras membroj de la LKK. Ĉe la giĉeto eblas ricevi ĉiujn pli gravajn informojn, kaj ankaŭ tuj aliĝi laŭ la plej favoraj kotiztarifoj. Grava novaĵo estas, ke jam estas konataj prezoj de loĝado kaj eblas antaŭmendi kaj pagi negrandan deponsumon por la loĝado. Ankaŭ haveblas belaj glumarkoj de la 78 UK ĉe la giĉeto kaj en la libroservo (po 2 ŝil.).

## VENONTA KONGRESO

Cirkaŭ 150 personoj partoprenis informan kunvenon pri la venontjara kongreso en Valencio. KKS Nikola Rasić enkonduke informis pri la situo de la urbo, ĝia klimato (sufiĉe varma sed milda) pri la hoteloj, kongresejo ktp. La prezidanto de LKK Augusto Casquero de la Cruz informis pri la bone evoluanta kunlaboro kun urbaj, regionaj, kaj landaj aŭtoritatoj, rezulte de kiu oni ricevis la subvencion de 20.000 dolaroj, kio faciligos la organizadon de la kongreso kaj malgrandigos la kostojn. La hoteloj estos je duono malpli kostaj ol en Vieno. La diskuto kiu sekvis, kaj multaj demandoj de lakongresanoj jam nun antaŭdiras, ke la 78a tutcerte estos amase partoprenata de e-istoj. Pli da informoj en estontaj kongresaj komunikaĵoj.

## DANKON VIENO!

La lasta kunveno de *konversacia rondo* kiun gvidis A. Pettyn, finiĝis per diskuto pri la avantaĝoj kaj malavantaĝoj de la viena kongreso. Evidentiĝis, ke multaj diskutantoj tre pozitive taksas la strebon de la organizantoj, oni substrekis, ke en mallonga tempo oni kunmetis interesan kaj multflankan programon, kiu povas kontentigi diversajn gustojn. Oni laŭdis ekskursojn, aŭstrian vesperon kaj artajn aranĝojn, precipe la kantadon de Anjo Amika. Iuj el la diskutantoj akcentis ke la kongreso okazis en tre amika klimato, kontribuis la bona kongresejo (tamen iu plendis, ke ĝi estas tro granda) kaj la afableco de vienanoj, kiuj vidante preterpasantojn kun la kongresa nomkarto, amike ridetas. Iu eksterеŭropano (Usono) diris, ke tiel puran urbon sen malpuraĵoj surstrataj, ŝi de longe ne vidis. Alia diskutanto estis ravita de la ĉarma viena arkitekturo, kiu bone harmonias kun la abunda verdaĵo en la urbocentro. Estas aldoninde, ke la konversaciaj rondoj - kion en ambaŭ grupoj konfesis la partoprenantoj mem - plenumis sian celon kuraĝigante kaj donante konsilojn por la plua lernado. La duan grupon same sukcese gvidis polino Liliana Palczewska, kiun iuj el la valencianoj nepre volas inviti al la venonta UK.

## AKCEPTO EN LA URBODOMO

Cirkaŭ 300 kongresanoj partoprenis la koktelan akcepton en la urbodomo (la blazonsalono) kie en la nomo de la urbestro la alvenintojn bonvenigis deputito de la viena landa parlamento Werner Faymann. En nomo de la kongresanoj dankis d-ro Hans Michael Maitzen kaj prof. John Wells. Al la parlamentano oni enmanigis novan bildalbumon pri Vieno kun E-teksto. La bankeda akcepto pasis en amika atmosfero kaj oni uzis ĝin ankaŭ por ekligi novajn kontaktojn kaj priparoli estontan E-laboron.




Presejo: Wolfgang Buchholzer Ges.m.b.H.
1100 Wien, Erlachgasse 98, Tel. 604 23 25



# DANUBA KURIERO

7

77a Universala Kongreso de Esperanto
Aŭstria Centro Vieno
25a de julio — 1a de aŭgusto 1992



Respondeca redaktoro: Andreo Pettyn

Vieno, la 1-an de aŭgusto 1992

## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO

250 kongresanoj sekvis la prelegon de d-ro Arpad Mathe, kiu prezentis informojn pri c 100 E-bibliotekoj en pli ol 30 landoj. Tiuj privataj, movadaj aŭ eĉ publikaj kolektoj troviĝas en tre malsamaj kondiĉoj laŭ katalogiteco, uzateco, konateco, kaj laŭ perspektivo. La preleganto klare montris la neceson ellabori strategion pri la rilatoj de la E-movado al tiuj trezorejoj. En du paralelaj seminarioj la temo estis pludiskutata: sub gvido de d-ro A. Tonkin, pli ol 80 personoj diskutis problemojn rilate al bibliografiado kaj katalogado (temaj bibliografioj, bibliografioj de nacilingvaj materialoj tradukitaj en E-on, registro de manuskriptoj, utiligo de komputiloj, k.s.). Aparte grava estas la kunlaboro de interlingvistoj en la bibliografio pri lingvoscienco de Modern Language Association (Usono) kaj eventuala ellaboro de " gvidilo pri bibliografia kaj biblioteka laboro". En la dua seminario, sub gvido de la ĉefpreleginto, ĉirkaŭ 50 kongresanoj daŭrigis la informadon pri diversaj bibliotekoj kaj arkivoj (nemenciitaj en la ĉefa prelego) kaj pliprofundigis la reciprokan prezenton de taskoj, problemoj, kaj novaj eblecoj de kunlaboro.

## IKEL REZOLUCIAS DUFOJE

La lasta kunveno de IKEL alvokas la ŝtatojn de la Eŭropa Konsilio senprokraste ratifi la Eŭropan Konvencion pri protektado de regionaj kaj minoritataj rajtoj, de la 29a de junio 1992. En alia rezolucio IKEL konstatas la daŭron de la milito en Kroatio kaj Bosnio- Hercegovino, akuzas ĉefe la prezidenton de Serbio Slobodam Milošević pro krimoj kontraŭ humaneco kaj postulas tujan intervenon per armitaj fortoj por ĉesigi la reciprokan buĉadon.

## INTERNACIA KONGRESA UNIVERSITATO

Oni inaŭguris ĝin dimanĉe per bonaŭguroj de la rektoro de la viena universitato, prof. Alfred Ebenbauer. La rektoro de IKU prof. d-ro Heiner Eichner malfermis la sesionjn de la 45a IKU kaj tuj sekvis la unuaj prelegoj. Maria Rafaela Uruena (Hispanio) parolis pri "la aliĝo de Aŭstrio al la Eŭropa Komunumo" laŭ la vidpunkto de la neŭtrala statuso de Aŭstrio. Ronald J. Glossop (Usono) parolis pri "Nova monda ordo: du usonaj vidpunktoj". Otto Back el la universitato de Vieno, parolis pri "internaciaj vortoj en etnaj kaj artefaritaj lingvoj", li i.a. serpis sian materialon el la kroata kaj indonezia lingvoj. Dalibor Brozović (el la universitato de Split/Zadar) pritraktis "normlingvojn kun plurcentra normigo". Stevens T. Norwell (Kanado) parolis pri "Melanomo: la plej danĝera haŭtkancero". Profesoro Humphrey Tonkin (Usono) ĉi-foje parolis pri "internaciaj universitataj interŝangoj: perspektivoj kaj problemoj. Ĉiun prelegon sekvis inter 100 kaj 200 aŭskultantoj. Pri aliaj prelegoj ne venis raportoj. Pri IKU vi trovos pli da detaloj en la revuoj "Esperanto" kaj "Heroldo". Estas aldoninde, ke ĉiun prelegon – kiel informis prof. Heiner Eichner - sekvis viglaj diskutoj kaj interŝanĝo de kontraŭstaraj opinioj.

## KONGRESO DE BLINDULOJ

Paralele kun la 77a UK, okazis la 59a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj, kun la partopreno de 80 personoj el ĉirkaŭ 20 landoj. Apud la prelegoj pri fakaj temoj, oni povis sekvi kulturajn programerojn, inter kiuj aparte substrekinda estis la literatura vespero, en kies kadro Jolanthe Leser prezentis sian verkaĵon "Karlo". Ĉiu kongresano ricevis ĉi tiun libron en Braila E-eldono. E. Vokal rakontis pri sia 60jara agado por esperanto. Aparte rimarkinda estis la ekspozicio de teknikaj helpiloj por blinduloj, inter kiuj tre grava por ne vidantoj – la parolanta teleteksto.

# NOVAJ ALIĜINTOJ

2825 Budaházy, S-ino Maria, Rumanio
2826 Budaházy, S-ro Stefan V., Rumanio
2833 Bednaříková, S-ino Laura, Ĉeĥoslovakio
2834 Puhringer, S-ro Rudolf, Aŭstrio
2835 Reiter Kocher, S-ro Heinrich, Aŭstrio
2836 Czupryński, S-ro Stanisław, Pollando
2837 Mlinar, S-ro Anto, Kroatio
2838 Mlinar, S-ro Zeloko, Kroatio
2839 Raša, S-ro Jiří, Ĉeĥoslovakio
2840 Bettahar, S-ro M'hamed, Alĝerio,
2841 Hehn, S-ro Olimpiu-Ciprian, Rumanio
2842 Fier, S-ino Teresa, Pollando
2843 Lee, Jung Kee, Koreio
2844 Pignatelli, S-ro Francesco, Italio
2845 Cornhl, S-ino Vera, Makedonio
2846 Zemoski, Dani, Makedonio
2847 Lear, S-ino Carola, Germanio
2848 Thede, S-ro Volker, Germanio
2849 Welling, S-ro Hans, Germanio
2850 Yambuka, Ramazani, Zairio
2851 Angstl, S-ro Helmut, Germanio
2852 Ladalardo, S-ino Maria Antônia, Braz
2853 Dimovska, Petrana, Makedonio/Kroatio
2854 Dimovski, Tome, Makedonio
2855 Petrovski, S-ro Aleksandar, Makedonio
2856 Petreska, S-ino Džulieta, Makedonio
2857 Mawrus, S-ro Jan, Pollando
2858 Okonowicz, S-ino Wanda, Pollando
2859 Karasiński, S-ro Rafał, Pollando
2860 Karasińsk, S-ro Maciej, Pollando
2861 Karasiński, S-ro Andrej, Pollando
2862 Karasińska, S-ino Maria, Pollando
2863 Feidangai, S-ro Luc, Centrafrika Resp
2864 Lasalandra, S-ro Nicola, Italio
2865 Bermell Benet, S-ino Ma. Dolores, Hisp
2866 Weidmann González, S-ino Nélida, Svis
2867 Binder, S-ro Manfred, Aŭstrio
2868 Wennergren, S-ro Bertilo, Svedio
2869 Benešová, S-ino Karina, Ĉeĥoslovakio
2870 Jantzen, S-ino Heidrun, Francio
2871 Ender, S-ro Ulrich, Germanio
2872 Smideliusz, S-ino Katalin, Hungario
2873 Smideliusz, S-ro Kálmán, Hungario
2874 Hegedus, S-ro Imre, Hungario
2875 Szabó, S-ino Eszter, Hungario
2876 Komar, S-ino Halina, Pollando
2877 Zerpini, S-ino Elena, Italio
2878 Zerpini, S-ino Amalia, Italio
2879 Eichner, S-ro Reiner, Aŭstrio
2880 Wilshusen, S-ro Ricard, Germanio
2881 Ibañez, S-ro Mariano D., Argentino
2882 Armadans, S-ro Luis, Hispanio
2883 Moly Martí, Neus, Hispanio
2884 Perera Perera, S-ro Ramón, Hispanio
2885 Cinquantini, S-ro Pier Luigi, Italio
2886 Kheir-Khan, S-ro Mohammad-Reza, Irano
2887 Rawlison, A-ro Antony, Britio
2888 Martínez Hernández, S-ro José, Hisp
2889 Osinski, S-ro Krzysztof, Pollando
2902 Ledan, S-ino Simone, Francio
2903 Duricová, S-ino Zuzana, Ĉeĥoslovakio
2904 Rechtorisova, S-ino Jarmila, Ĉeĥoslov
2905 Binder, S-ro Adolf, Germanio
2906 Binder, S-ino Eva, Germanio
2907 Struc, S-ro Janko, Slovenio
2908 Petrov, S-ro Svetoslav, Bulgario
2909 Puhova, S-ino Elena, Rusio
2910 Schippers, S-ro Ronald, Nederlando
2911 Zaja, S-ino Elena, Ruslando
2912 MacLeod, S-ino Nadie, Aŭstralio
2913 Reinvartová, S-ino Marta, Ĉeĥoslovakio
2914 Kubalcová, S-ino Jolana, Ĉeĥoslovakio
2915 Pankowski, Marcin, Pollando
2916 Trialle, S-ino Raymonde, Francio
2917 Erva, S-ino Margit, Hungario
2918 Faragó, S-ro Imeriko, Hungario
2919 Pagano, S-ro Giorgio, Italio
2920 Hafizi, S-ro Orlin, Bulgario
2921 Todorova, S-ino Antoneta, Bulgario
2922 Todorov, S-ro Alexander, Bulgario
2923 Todorova, S-ino Nadjejda, Bulgario
2924 Muhammad, S-ro Aslam, Aŭstrio
2925 Knube, S-ro Norbert, Germanio
2926 Karbe, S-ino Christiane, Germanio
2927 Stanišnikova, S-ino Galdne, Rusio
2928 Konyves, S-ro Zoltán, Hungario
2929 Grune, S-ro John, Usono
2930 Branković, S-ino Višnja, Kroatio
2931 Spigûrh, S-ro Stefan, Ĉeĥoslovakio
2932 Pešková, S-ino Zuzka, Ĉeĥoslovakio
2933 Hensel, S-ro Mosche, Israelo
2934 Im, S-ro Han-U, Koreio
2935 Vörös, S-ro László, Hungario
2936 Vallo, S-ro Jose Fernando, Aŭstrio
2937 Morita, S-ino Reiko, Japanio
2938 Burgmann, S-ro Reinhard, Germanio
2939 Ivadova, S-ino Rajnička, Bulgario
2940 Ivanov, S-ro Branimir, Bulgario
2941 Pattenkopf, S-ro Ulrich, Germanio
2942 Stoff, S-ino Magdalena, Rumanio
2943 Benedek, S-ino Anna Maria, Rumanio
2944 Benedek, S-ro Ferenc, Rumanio
2945 Siimson, S-ino Pihel, Estonio
2946 Hansen, S-ro Beate, Germanio
2947 Lund, S-ino Marianne, Norvegio
2948 Kulik, S-ino Elżbieta, Pollando
2949 Huttunen, S-ino Leena, Finnlando
2950 Metev, S-ro Hristo G., Bulgario
2951 Koncebovski, S-ro Stanislav, Rusio
2952 Haberl, S-ro Walter, Aŭstrio
2953 Haberl, S-ino Christine, Aŭstrio
2954 Schrotter, S-ro Erwin, Aŭstrio,
2955 Andenskaja, S-ino Tatjana, Ukrainio
2956 Corsetti, S-ro Gabrielo, Italio
2957 Digiovanni, S-ino Silvana, Italio
2958 Csóke, S-ro András, Jugoslavio
2959 Virág, S-ino Csilla, Jugoslavio
2960 Matumoto, S-ino Yumeko, Japanio
2961 Mochizuki, S-ro Masahiro, Japanio
2962 Felső, Géza, Hungario
2963 Farkas-Tatár, S-ino Eva, Hungario
2964 Thierry, S-ro Jean, Francio
2965 Bobelak, S-ino Rosalia, Germanio
2966 Babiarz, S-ino Krystyna, Pollando
2967 Bloquel, S-ro Vincent, Francio
2968 Bloquel, S-ino Marianne, Brazilo
2969 Lahtinen, S-ro Teemu, Finnlando
2970 Kallio, S-ro Maarit, Skotlando
2971 Rekola, S-ino Virve, Finnlando
2972 Ritamäki, S-ino Anna M., Finnlando
2973 Fantom, S-ro Heleno, Britio
2974 Fantom, S-ro Ian, Britio
2975 Morse-Brown, S-ino Ann, Britio
2976 Tokarska, S-ino Janina, Pollando
2977 Smid, S-ro Petr, Ĉeĥoslovakio
2978 Both, S-ino Noémi, Hungario
2979 Fantom, Gavan, Britio
2980 Fantom, S-ino Petra, Britio
2981 Fantom, S-ro Rolf, Britio
2982 Jantzen, S-ino Barbara, Francio
2983 Monti, S-ino Adeline, Belgio
2984 Simon, S-ro László, Hungario
2985 Tokarski, Łukasz, Pollando
2986 Tonkin, S-ro Sebastian, Usono
2987 Vanderbruggen, S-ino Majka, Belgio
2988 Walter, S-ino Emma, Usono
2989 Walsh-Kemmis, S-ro David, Irlando
2990 Tudaj, S-ino Danuta, Pollando
2991 Ejsmont, S-ro Tadeusz, Pollando
2992 Kaszás, S-ro Attila, Hungario
2993 Bigonnet, S-ro Bernard, Francio
2994 Moya-Escayola, S-ro Giordano, Hisp
2995 Vidal, S-ro Lorenzo, Hispanio
2996 Brent, S-ro Edmund, Kanado
2997 Teixidó Melero, S-ino Dolores, Hisp
2998 Derakhshan, S-ino Dorreh, Irano
2999 Radtke, S-ro Roman, Pollando
3000 Suda, S-ino Katarzyna, Pollando
3001 Piasecka, S-ino Urszula, Pollando
3002 Sitari-Hermann, S-ino Anna B., Italio
3003 Hermann, S-ro Ludwing, Germanio
3004 Sitari, S-ro Pier Luigi, Italio
3005 Kagase, S-ro Yoshikatsu, Japanio
3006 Kirschner, D-ro Harald, Aŭstrio
3007 Oslak, S-ro Vinko, Aŭstrio
3008 Železný, S-ro Ivo, Ĉeĥoslovakio
3009 Banjko, S-ro Aleksandro, Rusio
3010 Lowenstein, S-ino Anna, Italio
3011 Corsetti, S-ro Fabiano, Italio
3012 Bokulić, S-ino Snježana, Kroatio
3013 Bokulić, S-ino Sanja, Kroatio
3014 Kuznecov, S-ro Sergej, Rusio
3015 Pulver, S-ro Norbert, Germanio